XXVI-a jaro. — N° 364 (12). Monata Decembro 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## REGIONA UZO DE ESPERANTO

Estas ja bone uzi Esperanton por interrilatigi Orienton kun Okcidento, Azion kun Eŭropo aŭ Ameriko. Sed je kio utilas la pacigo de spiritoj inter malproksimuloj, se la pli proksimaj rilatoj inter najbaroj estas malbonaj aŭ nesufiĉaj ?

Tion komprenis la Esperantistoj en Balkana Sudo kaj en Balta Nordo de Eŭropo. Dum la pasinta somero kunvenis en Sofia delegitoj de bulgara, rumana, greka, sudslava esperantistaj organizaĵoj kaj diskutis rimedojn de komuna laboro, interŝanĝo, ekskursoj, eventualan kongreson k.t.p.

Estas eble bedaŭrinde, ke tro multan tempon eluzis la diskuto pri eldono de gazeto, kio ja estas nur unu temo inter pluraj sed la fakto restas, ke tiu konferenco montris vojon tre gravan kaj atentindan.

La disputoj inter balkanaj regnoj fariĝis legendaj en la mondo pro militoj kaj milit-riskoj. Anstataŭ rigardi nur la eksteron, el kiu venas intrigoj kun apogoj, la plej saĝaj balkananoj nun emas aranĝi mem siajn aferojn inter si. Grava politika konferenco okazis. Tio estas ŝtupo.

La kunveno de la Esperantistoj estas ne malpli grava. Se ĝin sekvos oftaj renkontiĝoj, amasvizitoj kaj ĉefe kongresoj de edukistoj, ĝi estos metinta ŝtonon al unuaranga packonstruo, grava por la tuta mondo.

Per tia uzo nia lingvo fidele servas ĝuste al tio, kion celis Zamenhof. Iru antaŭen sur tiu vojo de l'uzo kaj tiam la klopodoj por enkonduko en lernejojn fariĝos multe pli realaj. La publiko vidos mem la kialon.

En la Nordo, la Svedoj kaj Estonoj ne havas tiel urĝajn problemojn de internacia vivo. Sed ilin apartigas ankaŭ tre diversaj lingvoj kaj la mara interspaco.

Ambaŭ barilojn forigis, ne teorie, sed praktike, la esperantistoj de la du landoj per fondo de Esperantista Turista Komisiono, kiu tuj realigis grandiozan aferon dum la pasinta somero.

Ĝi reklamis en Estonujo por la Stokholma Ekspozicio kaj alventurigis unu milon da estonoj al Svedlando, kiun ili vizitis kun granda ĝojo kaj riĉiga lerno. Multaj estis geinstruistoj. Per la samaj ŝipoj kiuj servis al la naŭ diversdataj transportoj, la komisiono organizis la vojaĝon de ducent svedoj al Estonujo.

Ankaŭ el ili multaj estis geinstruistoj aŭ ĵurnalistoj kaj ili tiel ŝatis la landon, ke ili restis pli longe ol intencite. Sur ambaŭ flankoj de la Balta Maro la Esperantistoj helpis al akceptado, gvidado, montrado kaj trovis kompreneble multajn samideanojn inter la vizitantoj. Eĉ la ceteraj tiom enviis la plian avantaĝon, konatiĝi ne nur kun pejzaĝo, sed kun la homoj mem, ke ili eklernis dum vojaĝo aŭ decidis tion fari tuj en aŭtuno.

La propaganda valoro de tiu tre sukcesa organizo estas tiom granda, kiom la praktika. Estas ankaŭ supozeble, ke ĝi finance pagiĝis per si mem kaj per la memkomprenebla subteno de ekspoziciaj kaj turismaj aŭtoritatoj.

Jen bona kaj inteligenta laboro, kiu servu kiel modelo por multaj aliaj. Pro Esperanto kaj per Esperanto nacioj lernas pli koni kaj ami unu la alian. La raportoj atestas pri la forta impreso de amikeco, kiu regis, kaj eĉ pri la kortuŝaj adiaŭoj.

Samtempe nia hinda samideano Sinha prelegis en ambaŭ landoj pri sia nacio. Tiaj uzoj de la lingvo estas plej kontentigaj sekvoj de la kurs-agado de S-ro Andreo Ĉe kaj de liaj helpantoj kiel ekzemple S-roj Morariu kaj Seppik. La posta klopodo nun devas esti kiel konstantigi kaj progresigi tiujn akiraĵojn de la sperto, por ke ili restu ne brilaj momentaj flamoj, sed eterne kreskanta lumo. Tio ŝajnas al ni pli urĝa tasko de niaj esperantistaj organizaĵoj ol ĉiuj diskutoj pri statutoj.

Edmond PRIVAT.

# SOCIA VIVO

## Sekureco kaj senarmiĝo

Malpli ol iaj aliaj homoj povas la objektivuloj akcepti, ke Eŭropo refalu en la grandan eraron kaj krimon de milito. Ĉiuj demandoj pro modifo aŭ nemodifo de ekzistantaj kontraktoj estos multe pli trankvile diskutataj kaj pli saĝe solvataj en paco ol per milito.

La ĉefa manko de la Versaja decidaro kuŝis precipe en tio, ke ĝi estis ankoraŭ tro influata de milita pasio kaj ne havas la duflankan solidecon de negocita interkonsento, libere akceptita de ambaŭ partioj. Sed oni ne forgesu, ke ĝi ne entenas nur kritikindaĵojn, sed ankaŭ justaĵojn, kiel ekzemple la renaskiĝon de pluraj nacioj al sendependeco.

Estas memkompreneble ke tiuj nacioj ne povas bonvenigi ĝeneralan renverson de dokumento, kiu formas la skriban fundamenton de ilia propra ekzistado. Cetere neniu povas deziri subitan detruon de ĉiuj decidaĵoj de 1919 kaj samtempan eksplodon de mil kontraŭaj postuloj kaj ambicioj.

Ankaŭ estas bone memori, ke neniaj landlimoj povas esti absolute justaj en tiu parto de Eŭropo, kie loĝas intermiksitaj popoloj. Ŝanĝu la landlimojn kaj vi denove ricevos teritoriojn kun nacia malplimulto. Kio necesas antaŭ ĉio, tio estas pli bona traktado de naciaj malplimultoj, pli severa kontrolo per la Ligo de Nacioj pri tio, kaj movado por igi la landlimojn kiom eble « nevideblaj » t.e. pli tolereblaj.

Pri la ekonomiaj kaj aliaj punktoj — eĉ teritoriaj — kiuj meritus kaj povus ricevi efektive pli bonan solvon ol donis la unuflanka paco, ĉu ne estas preferinde negoci trankvile, for de ĉiu militminaco kaj sen la konstanta risko de fajro pro ĉiu falonta alumeto ?

Pri tio ne povas ekzisti du opinioj inter homoj komprenintaj, ne nur la kruelecon, sed ankaŭ la malsaĝecon de milito.

La movado por modifo de la packondiĉoj estas nun tre forta. Kune kun Germanujo, Aŭstrio, Hungarujo kaj Bulgarujo staras kompreneble URSS kaj de nun Italujo, kies ĉefministro tion publike anoncis kiel neeviteblan. La movado ne povas esti ignorata kaj tion komprenas tre klare la publika opinio angla, kiu ankaŭ ne malfavoras ĝin.

Sed la tuta problemo estas, ĉu tiuj aferoj estos pace diskutataj iam uzante la 19an artikolon en la kontrakto de la Ligo de Nacioj[1] aŭ ĉu ili kaŭzos senordan kaj mortigan konflikton, kiu nenion solvos.

Argumentoj de la modifemuloj kaj de la konservemuloj devas esti aŭdataj kaj ekzamenataj. Bruo de kanonoj, ĝemo de vunditoj ne helpos tion. Nu, bonvolu esplori objektive kaj senpartie la nunan armsituacion de Eŭropo. Ĉu ĝi ne estas multe tro danĝera por ebligi trankvilan diskutadon ? Konservante tiom da militfortoj, oni ne sukcesos eviti la movadon por ŝanĝo, sed oni vole — nevole igas ĝin minacanta ribelo. Cetere okazas samtempe ribelo protesta kontraŭ tio, kio ŝajnas al iuj neplenumo de la kontrakto. En la diskutado okazinta en Ĝenevo pri senarmiĝo, germanaj kaj hungaraj delegacioj diris : « Vi detruis niajn grandajn armeojn kaj ni staras malegale, do en stato de nesekureco. Ni rajtas peti ke vi plenumu la promeson subskritita en kontrakto de la Ligo de Nacioj, redukti ankaŭ viajn armeojn, ĉar vi ja mem skribis en la Versaja dokumento, ke nia senarmiĝo estas necesa preparo al ĝenerala senarmiĝo ».

Tiun vidpunkton subtenis la brita kaj itala delegacioj asertante sian konsenton, ke tion efektive signifis la subskribo kaj ke ĝi estas nepra kaj urĝa devo.

Al tiu ĝenerala protesto respondis la franca delegito S-ro Briand, ke la publika opinio en lia lando ne favoras nunan senarmiĝon, ĉar ĝi timas riskojn de agresivaj naciaj movadoj eksterlandaj. Li citis la impreson kaŭzitan per la balotoj en Germanujo. Li opinias redukton de armiloj ebla, nur post kiam estos aranĝita efektiva sistemo de sekureco en Eŭropo. Tiun opinion subtenis poste preskaŭ ĉiuj francaj ŝtatistoj inkluzive S-ro Herriot kaj same pluraj ŝtatistoj de tiuj landoj, kiuj ne konsentas je ŝanĝo de la packontrakto de 1919.

Necesas do konsideri ambaŭ vidpunktojn, se oni deziras atingi praktikan rezultaton kaj sukcesi je certa grado de senarmiĝo, sen kiu la danĝeroj kreskos de jaro al jaro.

Jam ekzistantaj elementoj de « sekureco » estas :

1e. *La Kontrakto de la Ligo de Nacioj*, kiu malpermesas militon antaŭ ol submeto de konflikto al ekzameno de la Ligo kaj rajtigas ties konsilantaron decidi kolektivan sankcion kontraŭ iu malobeanto.

2e. La *Kontrakto de Locarno*, kie Anglujo kaj Italujo garantias la franco-belgo-germanan nunan landlimon (kaj la neŭtraligitan senarman regionon de la Rejno) kaj do troviĝus aŭtomate kontraŭ iu transpasanta armeo.

3e. *La Kellogg-Briand Pariza Kontrakto*, per kiu ĉiuj regnoj de la mondo inkluzive Usono kaj URSS rezignas je milito, escepte la rajton sin defendi en okazo de invado. Per tio ili metis sin laŭjure sur similan pozicion kiel neŭtrala Svislando kaj oficiale konsideras siajn armeojn kiel nur « defendaj ».

4e. La *deviga submetiĝo al juĝado de Haga Tribunalo Internacia*, nun akceptita de la granda plimulto de ŝtatoj, inkluzive Francujo, Anglujo, Italujo kaj Germanujo.

5e. La *interkontrakto pri financa helpo en okazo de atako*, akceptita en Ĝenevo lastan aŭtunon. Tio estas tre grava afero, ĉar la mono estas fine decida elemento en daŭra milito. Sed necesas aldoni, ke tiu kvina kontrakto ekfunkcios nur post akcepto de ĝenerala interkonsento pri redukto de armiloj. Anglujo trudis tiun kondiĉon por urĝe influi aliajn potencojn al tiu direkto.

La angla gazetaro el ĉiuj tendencoj opinias, ke tiuj diversaj paŝoj faritaj por kontentigi la partianojn de « sekureco » nun postulas unu paŝon al senarmiĝo.

Tio estus ja la plej efektiva helpo al sekureco, se la paŝo estas efektive granda kaj ne nur eta. Estas fakto, ke la sento de malsekureco devenas antaŭ ĉio de la ekzistado de armiloj aŭ suspekto pri armiloj ĉe la najbaroj. Se ili malaperus aŭ almenaŭ konsiderinde malfortiĝus, la sekureco kreskus en sama proporcio.

Sed kompreneble tio postulas ankaŭ fidon kaj certecon pri la senarmiĝo de la ceteraj. Alie neniu emos akcepti sufiĉan redukton pri si mem. Tial la plej grava propono en Genève estas tiu prezentita de Lord Cecil por starigi

[1] Art. 19. « La ĝenerala kunveno povas, de tempo al tempo, inviti la membrojn de la Ligo, ke ili reekzamenu la interkontraktojn kiuj fariĝis neaplikeblaj kaj la internaciajn situaciojn, kies daŭrigo povus endanĝerigi la pacon en la mondo. »

konstantan interŝtatan komisionon, kiu rajtus ekzameni plendojn kaj kontroli la verecon de oficialaj deklaroj pri armiloj.

Tio estas granda bato al la dogmo pri nacia suvereneco kaj ŝajnus humiligo al la venkintaj regnoj, sed estas la sola maniero pro ili, kiel por la ceteraj, certigi al si garantion pri plena reciprokeco. E.

## Ĉu D-ro Zamenhof fondis religion?

Jen akre disputata demando inter personoj, kiuj prefere devus unue atente legi tion, kion D-ro Zamenhof skribis mem pri siaj ideoj, antaŭ ĉio en siaj broŝuroj pri homaranismo.

Ne, li ne fondis novan religion kun apartaj dogmoj kaj eklezio. Li nur proponis al homoj de diversaj kredoj respekti la kredojn de la ceteraj kaj serĉi tion, kio unuigas ĉiujn.

Tio ne povas esti la dogmoj, ĉar ili entenas tute malsamajn konceptojn pri morto aŭ diversajn metafizikajn klarigojn pri la universo. Zamenhof ja sciis tion kaj ne proponis, ke homoj ŝanĝu sian propran konvinkon sur tiu kampo.

La unuecon li vidis ebla nur sur la kampo morala, do la etiko, la maniero vivi kaj konduki al ceteraj homoj. Li estis profunde konvinkita mem, ke ĉiuj sinceraj religianoj aŭ liberpensuloj povas havi nur unu saman komunan idealon de frateco inter homoj, se ili serĉas la profundon en sia konscienco aŭ la fundamenton en la instruado de sia Majstro.

Laŭ lia konvinko, ĉiuj grandaj religioj kaj la etika liberpenso posedas unu komunan moralan fundamenton: « Agu al ceteraj kiel vi ŝatus, ke ili agu al vi ».

Anstataŭ disputi pri siaj metafizikaj malsamopinioj, la homoj konservu la sian, ne trudu ĝin al aliaj kaj donu sian penadon al apliko de tiu komuna fundamento en siaj rilatoj kun ceteraj homoj kaj popoloj.

Starante sur tiu komuna neŭtrala grundo, ili trovos grandajn eblecojn de interkonsento kaj kuna progresado.

Pro tio Zamenhof deziris kunvenon de bonvolaj homoj por fiksi iom pli detale tiun neŭtralan etikan bazon kaj interkonsente eldiri kelkajn ĉefajn regulojn por interrilatoj inter diverskredaj homoj kaj popoloj. Similajn regulojn li mem proponis en siaj verkoj pri Homaranismo. (Vidu « Plenan Verkaron » kaj « Vivon de Zamenhof »).

Kristano celante apliki la ordonon « Amu unu la aliajn », Budhisto inspirita per la instruo « Ne malamo, sed amo venkas malamon », liberpensulo kredante je frateco kaj egaleco inter homoj, Mahometano aŭ Hebreo komprenanta la esencon de sia Sankta Libro povas nur ŝati la moralajn regulojn proponitajn de Zamenhof por pacigi la vivon inter la diversaj gentoj.

Tamen eĉ pri tiu-ĉi punkto Zamenhof estis treege prudenta. Neniam li skribis ion pri tiu temo sen klara averto, ke tio estas *nur lia persona ideo kaj neniel ligas la ceterajn esperantistojn.*

Hodiaŭ estas la plena rajto de ĉiu amiko aŭ admiranto de tiu granda homo akcepti aŭ malakcepti liajn etikajn ideojn, eĉ ilin propagandi aŭ kontraŭbatali. Sed neniu havas la rajton devigi iun alian kaŝi tiujn ideojn sub preteksto, ke ili malhelpas la movadon aŭ ilin trudi kvazaŭ ili estus deviga parto de esperantismo, kion ĝuste Zamenhof evitis mem severe.

Ili estas la ideoj de Zamenhof, de la Homaranismo, de granda nombro da esperantistoj, sed ne de la lingvo Esperanto, kiu estas ilo apartenanta al ĉiuj, eĉ post kiam ĝi ricevis la vivigan blovon el tiu inspira tendenco.

Sed malpermesi, ke oni uzu la Zamenhofan lingvon por disvastigi Zamenhofajn ideojn, kiam ĝi jam abunde servas por propagandi eĉ malzamenhofajn, tio estus nepra kaj absoluta maljustaĵo. Cetere ĝi estas ankaŭ tute neebla.

Tamen ne ĉio estas dirita. Mankas unu punkto por esti plene verdira kaj sincera. Kaj ĝuste ĝi estas la plej delikata.

En la komenco Zamenhof konsideris antaŭ ĉio la homojn havantajn solidan personan kredon. Poste pli kaj pli li priokupiĝis pri tiuj, kiuj fakte ne havas fiksan kredon kaj apartenas oficiale al iu aŭ alia religio nur pro kutimo kaj tradicio.

Malsincereco lin fortege malplaĉis. Li trovis tion pli danĝera ol ĉio ajn, ĉar la kelkfoja fanatikismo inter senkredaj diversreligianoj ŝajnis al li la plej blinda kaj kruela politike. Samtempe li kompatis infanojn, kies gepatroj forlasis ĉion similan pro sincereco. Li sentis, ke al ili mankas io varma kaj varmiga en la vivo.

Do li demandis sin, ĉu oni ne devus doni iun eksteran formon aŭ kadron al la internacia kaj interreligia etiko, kiun li proponis, tiamaniere, ke ĝi havu siajn festojn kaj eĉ instruejojn. Tie renkontiĝus, laŭ lia revo, ne nur diverskredanoj el ĉiuj religioj, sed ankaŭ homoj kaj infanoj el neniuj religioj. Komune ili festus kaj ceremonius sur neŭtrala bazo de interhoma bonvolo.

De tiuj, kiuj havas jam proprajn festojn kaj ceremoniojn, tio nenion forprenus, nur kutimigus ilin je fratiĝo. Sed al tiuj, kiuj nenion havas, ĝi donus iun pozitivan riĉaĵon kaj iam la tuta homaro povus akcepti tiujn neŭtralajn komunaĵojn sen forlaso de ĉiuj apartaĵoj laŭ diversaj kredoj.

Tiel revis Zamenhof kaj eĉ projektis specialan kongreson (neesperantistan) por diskuti tiun planon kaj la tutan problemon de « komuna etika kadro kaj regularo ». Li mortis antaŭ ol li povis realigi tion.

Kompreneble tiu lasta parto de lia programo ne povas plaĉi al ĉiuj. Eklezioj ŝatas konservi tradiciajn anarojn — inkluzive nekredantojn — por regajni eblecon de konverto al infanoj. Ili timus, ke la « etika kadro » aranĝita kvazaŭ en formo de homara religio, fariĝus vera konkurenco se iom post iom aliĝus al ĝi la sinceraj nekredantoj kaj se iliaj infanoj kontentiĝus pri ĝi definitive.

Dume Zamenhof intencis ke ĝi restu nur *inter*, ne *anstataŭ* la ekzistantaj organizoj religiaj aŭ liberpensaj, same kiel lia lingvo restu nur inter, ne anstataŭ la naciaj lingvoj.

Sed eĉ sur tiu lingva kampo la antaŭjuĝo ankoraŭ persistas daŭre ĉe multaj suspektantoj.

Cetere Zamenhof deziris kongreson ĝuste por aŭdi eventualajn kritikojn kaj ekzameni, ĉu estas eble aŭ ne realigi la planon. Pri la materia flanko li ankoraŭ havis siajn dubojn, sed pri la spirita li estis absolute certa kaj, antaŭ sia morto, li petis la subskribanton atesti kaj memorigi, ke tiu celo estis por li la ĉefa kaj la lingvo nur rimedo.

Do resume, kiu celo?

Komprenigi al la homoj ĉi-tion: ke ili povas trovi unuecon en la apliko de sia morala idealo al siaj interpopolaj rilatoj, ĉar tiu praktika fundamento estas universale komuna, eĉ se la dogmoj aŭ klarigoj vaste diversas.

Tio ne estas fondo de nova religio, sed profundigo kaj altigo de ĉies etiko al tuthomara amikeco.

Edm. P.

## La Esperanto-himno sur fleksebla gramofondisko

Komercista Esperanto-Unio kun UEA intencas eldoni tian diskon, nerompeblan kaj facile sendeblan per ordinara leterpoŝto. La disko havos sur la dua flanko arion aŭ kanton el opero en Esperanto. La afero efektiviĝos nur, se alvenos sufiĉe multaj antaŭmendoj. Do skribu tuj al KEU, Dresden-Radebeul aŭ al UEA kun via antaŭmendo. Kosto de disko 5.25 Frk. sv.

## Fosilo anstataŭ Pafilo

Dum Andreo Ĉe propagandas pacon per Esperanto-kursoj, alia apostolo kaj samideano Pierre Cérésole ĝin propagandas per helpo de la brakoj. Ni jam rakontis kiamaniere li gvidis pacan armeon de memvolaj helpantoj por savi la kampojn de Liechtenstein post katastrofo.

Dum la somero de tiu ĉi jaro li gvidis similan « rondon familian » por helpi vilaĝanojn en tiu parto de Suda Francujo, kie pluvegoj elbordigis riverojn kaj ĉion detruis. El dekses landoj al lia alvoko respondis 250 bonvoluloj deziremaj partropeni en novspeca milito, ne por malutili kaj mortigi, sed por helpi kaj amikigi popolon, kiu suferis je malfeliĉo. Tion oni foje faras per ia donaco al monkolekto, ili faris ĝin ŝvita laborado sub varma brilo de la suda suno.

La statistiko de landoj reprezentitaj estas plej interesa. Venis 122 svisoj, ĉar kompreneble ili plej proksime konas Cérésole kaj admiras lian absolutan sincerecon kaj memforgeson. Sed ni rigardu la ceterajn., pli malproksimajn kaj pli gravajn: Unuarange staras germanoj. Ili venis kvindekope kaj preferis tutkore helpi al francaj vilaĝanoj ol pafi kontraŭ iliaj domoj dum milito. Kiom pli valora — laŭ eternaj valoroj — estas tiu memvola amikaĵo ol la deviga ŝtata « riparado ».

Britoj venis kvardekope. Pluraj el ili estas militrifuzantoj kaj suferis malliberigon pro tio same kiel multaj inter la svisoj. Ili ne timas sindonon, eĉ dangeran, sed ili estas pretaj oferi nur sian vivon, ne tiun de la ceteraj. Tial ili bonvenigas helpan servon kaj rifuzas la militan. Oni nomas ilin « prokonsciencaj rifuzantoj ». En Suda Francujo ili ĝojis agi, ne nur rifuzi. La ĝoja familia rondo konsolis ilin post la malluma malliberejo. Bela tolerema kaj frata atmosfero regis inter ili, kaj aliaj partoprenantoj aliopiniaj. Krom ili venis ankaŭ ok Nederlandanoj, naŭ Aŭstrianoj, kvar Usonanoj, du Italoj, kelkaj el Hindujo, Ĉeĥoslovakujo, Belgujo, Norvegujo, Finnlando kaj dekkvin Francoj. Minimume dek % estis esperantistoj ; La ceterajn penis instrui per vesperaj kursoj samideano Pamporof, veninta tiucele el Bulgarujo. Sed post ok horoj da peza fizika laboro lecionoj ne estas facila laboro... ambaŭflanke. Estas mirinde, ke tamen iuj sukcesis lerni. Ŝajnas al ni, ke Pierre Cérésole, kiu komprenas la neceson de helplingvo kaj mem lernis Esperanton, devus konsideri ĝin praktike kiel necesaĵon, same kiel regulajn manĝojn, kaj doni al ĝi fiksitan tempon en la horaro, ne kiel flanka amatora afero. La rezultatoj valoras tion.[1] Profesie la listo montras laboristojn, seruriston, ĉarpentistojn, desegniston, ĝardeniston, arkitekton, du kuracistojn, tri pastrojn, multajn instruistojn, oficistojn, studentojn kaj profesorojn.

La regiona franca gazetaro atestis pri ilia admirinda penado. Loĝantaj sur la planko de kastela teretaĝo, ili dormis kaj manĝis pli ol modeste; la kuiradon kaj lavadon prizorgis deko da fraŭlinoj kaj sinjorinoj, por kiuj oni malfacile trovis ĉambrojn en Lagarde apud Montauban.

Unue ili rebonigis stratojn kaj vojojn. Poste ili forigis ruinaĵojn ofte pezajn. Kompreneble ĉio sen salajro. La ŝtataj inĝenieroj konsentis konfidi al ili certan teritorion « purigotan ». Oni taksis ĝin je unumonata laboro. Ili ĝin plenumis en 15 tagoj kaj la inĝenieroj gratulis mire. Poste ili prenis aliajn taskojn. Entute ili donis 4600 tagojn da senpaga laboro « purigis » sesmil kvadratkilometrojn, kie 46 domoj estis ruinigitaj. Ankaŭ ni gratulas la pacajn batalantojn de la Civila Helpservo kaj ĝojas, ke la ĉirkaŭa franca loĝantaro komprenis kaj admiris la profundan kaj noblan ideon, kiun ili disvastigas per agoj anstataŭ vortoj.

[1] Ĉu la Internacia Ĉe-instituto ne povus organizi kelktagan reparan kurson antaŭ la komenco de la manlaboraj semajnoj ? (Red.)

 LINGVAJ STUDOJ 

Kiel sekvo al nia artikolo en antaŭa numero paĝo 120 (Ni petas tradukon) ni ricevis aron da respondoj, el kiuj ni represas la jenan, kun danko al la bonvolaj legantoj.

**Pri la vorto « slojdo »**

Kun intereso mi legis la artikolon de SOTO pri la sveda uzo de la vorto « slojdo ». Mi tuj komprensi, ke slojdo estas la sveda vorto « slöjd », kiun ni ankaŭ konas en dana « Slojd ». Mi serĉis en miaj vortaroj kaj trovis:

1) *en dana-angla vortaro:* Slojd: home arts, manual labour, sloid.
2) *en dana-germana vortaro:* Slojd: Handfertigkeit.
3) *en dana-franca vortaro:* Slojd: travaux manuels.
4) *en dana-hispana vortaro:* Slojd: obra manual.
5) *en dana-esperanta vortaro:* Slojd: slojdo.

Tiam mi serĉis en aliaj danaj vortaroj kaj trovis:

6) en « Dansk Ordbog for Folket » (dana vortaro por la popolo) de Dahl kaj Hammer:

Slojd: Pedagoge aranĝita manlaboro speciale en ligno, tamen ankaŭ en aliaj materialoj.

N. B. — Ni havas en la danaj popollernejoj la fakojn:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Papirslojd: | paperoslojdo. | Træslojd: | lignoslojdo. |
| Lerslojd: | argiloslojdo. | Metalstojd: | metaloslojdo. |

7) en « Etymologysk Ordbog over det norske og danske Sprog » (Etimologia vortaro por la norvega kaj dana lingvo) de Hjalmar Falk kaj Alf Torp:

Slojd: industrio de lignoartikoloj.

*La evolucio de la vorto estas:*

| | | | |
|---|---|---|---|
| I. | Pra'norda: | slôgd: | ruzo (esperante). |
| | | slôgr: | ruza. |
| II. | sveda: | slöjd: | ruzo, lerteco, slojdo. |
| III. | norvega: | slogd: | » » » |
| IV. | dana: | Slojd: | » » » |
| V. | angla: | sleight: | ruzo. |
| | | sly: | ruza. |
| | | sloid: | slojdo. |

La nuna senco en dana, sveda kaj norvega de la vorto sekve estas: « Pedagoge aranĝita manlaboro speciale en ligno, tamen ankaŭ en aliaj materialoj. Sama laboro efektivigita hejme estas « hejma slojdo ». Tia laboro ankaŭ kiel hejmindustrio aŭ hejma teksaĵo ».

A. SORENSEN, *instruisto*,
Roskilde, Danlando.

# Pri esperanta vortfarado

*de Karl Wagner.*

Por ke helplingvo povu subigi la mondon, antaŭ ĉio ĝi devas esti facile ellernebla : rilate al la elparolado, la gramatiko kaj la vortaro. Inter ĉi tiuj tri postuloj sendube la lasta estas plej malfacile plenumebla. Ĉar ne sufiĉas, ke la vortradikoj estu internacie elektitaj : ankaŭ ilia nombro ne estu tro granda, ĉar alie la lingvo fariĝus tro malfacile ellernebla. Sed ĉi-tiu postulo, ke la nombro de la radikoj estu limigata, malharmonias kun la alia, same tre grava postulo, ke la helplingvo estu sufiĉe riĉa, por povi disdonigi

al siaj uzantoj ne nur la vortprovizon de la ĉiutaga vivo, sed ankaŭ por servi la specialajn bezonaĵojn de la internacia mondkomerco, de la sciencoj, ktp., do ĝia vortaro ampleksu la tutan vastan kampon de la homa pensado. Kiel kontentigi ĉi tiujn kontraŭajn postulojn, same gravajn, tion de la facila ellerneblo kaj tiun de la riĉeco de la vortaro ? Zamenhof solvis la malfacilan problemon, venkante la malfacilaĵojn, por kiuj Volapük pereis, parte per zorga elektado de radikoj kiel eble plej internaciaj kaj starigo de la 15a regulo de la Fundamenta Gramatiko, parte per kreado de genia vortfarada sistemo.

Studante la Fundamenton rilate al la vortfarado, ni konstatas jenon :

En la Fund. Gram. la 11. regulo pritraktas unu specon de vortfarado : « Vortoj kunmetitaj estas formataj per simpla kunigo de la vortoj (la ĉefa vorto staras en la fino) ; la gramatikaj finiĝoj estas rigardataj ankaŭ kiel memstaraj vortoj. « Ĉi tiu regulo kompletiĝas en la Ekzercaro per la §27., kiu klarigas, ke « oni prenas ordinare la purajn radikojn, sed, se la bonsoneco aŭ la klareco postulas, oni povas ankaŭ preni la tutan vorton, t.e. la radikon kune kun ĝia gramatika finiĝo. » La lasta parto de ĉi-tiu paragrafo enhavas ekzemplojn por ĉi tiu regulo, same la dua parto de la 31 § donas en formo de frazoj kunmetitajn vortojn: el/iris, en-, for/flugis, de-, al-, sur-, aldonas, tra/legi, -lerni ; dormo/ĉambro, manĝo-, lernolibro, supervesto, skribotablo, tirkestoj, lip/haroj, vang- ; rozokolora, teleroforma ; senpage. La 30a paragr. de la Ekzercaro instruas pri la farado de « granda serio da pronomoj kaj adverboj », nome de la tabelaj vortoj ; la §§ 33, 42. enhavas ĉefe ekzemplojn por la uzado de la afiksoj : le 33. § pri mal- kaj- in, la 34. pri -il kaj -ar ktp. ; krom tio la Univ. Vortaro klarigas laŭalfabete la signifon de ĉiu afikso. Fine la 31. § komprenigas en sia unua parto per ekzemploj (Lia *kolero* longe daŭris — li estas hodiaŭ en *kolera* humoro — li *koleras* kaj insultas — li fermis *kolere* la pordon. ktp.) la trian specon de l'esperanta vortfarado, nome tiun per gramatikaj finaĵoj. Do krom ĉi tiu ni havas la preafiksan devenigadon (ankaŭ tiun de la tabelaj vortoj), la plej gravan specon de la esperanta vortfarado, kaj tiun per kunmetado de pluraj radikoj, kiun pritaktas la supre menciitaj 11. regulo de la Fund. Gram. kaj la §§ 27 kaj 31 de l'Ekzercaro.

Nun ni vidu iom detale ĉi tiun malpli gravan specon de vortdevenigado.

La kunmetitaj vortoj donas la avantaĝon, povi esprimi koncize malsimplan precizigitan ideon (*lingvo* kaj *mondlingvo*) ; ili estas — ofte ridindigita — specialaĵo de la germana lingvo ; ekz. Mark Twain citas en konata humorplena artikolo la formojn *Freundschaftsbezeugungen, Dilettantenaufdringlichkeiten, Stadtverordnetenversammlungen* kaj mokas, ke ili jam ne estas vortoj, sed alfabetaj procesioj, ĵetantaj ombron pri sia longo. La latinidaj lingvoj preferas indiki malsimplan ideon per pluraj memstaraj vortoj, ofte kunigitaj per prepozicio, ekz. F. jour de naissance, G. Geburtstag, E. naskiĝtago, F. Chemin de fer, G. Eisenbahn, E. fervojo, F. bagage à main, G. Handgepäck, E. manpakaĵo.

Grava eco de aro da kunmetitaj vortoj en nia lingvo estas, ke ili (same kiel multaj perafiksaj devenigaĵoj) anstataŭas apartajn radikojn de pluraj aŭ ĉiuj grandaj naturaj lingvoj kaj per tio plifaciligas la ellernadon de Esperanto. Tiuj estas ekzemple *Fulmotondro, Kamentubo, virbovo, piedbati, trembrili, forpermesi, malbonfamo, malplibonigi, malmultigi, rekantaĵo, travivaĵo, harligaĵo, bierfarejo, kunvenejo, ŝipkonstruejo, albordigi, entombigi, elradikigi, enpoŝigi, senfeligisto, leterportisto*, ktp.

## Pri sama temo

*de Edm. Privat.*

La artikolo de S-ro Karl Wagner tute prave insistas pri tiu granda fonto de riĉeco en nia lingvo. Tio estas ĝuste la ĉefa karaktero de Esperanto. En tio ĝi tre similas la germanan lingvon, kvankam ĝia vortaro estas antaŭ ĉio latindevena. Esperanto estas latina lingvo kun germana konduto pri vortfarado kaj slava sinteno pri frazo.

S-ro Wagner citis la francajn esprimojn tri-vortajn *chemin de fer* (fervojo) *jour de naissance* (naskiĝtago) kaj *bagage à main* (manpakaĵo). Fakte tiu divido en tri vortoj estas nur teoria kutimo de la gramatikistoj kaj de la skriba lingvo. Parole tiuj esprimoj estas unuvortaj *ŝmêdfer, furdnesâs, bagaĵamê* kun akcento (ne tro laŭta) sur la lasta silabo. Kontraŭe germana vorto kiel *Handgepäck* estas multe pli aŭdeble duparola kaj duakcenta.

La ĉefa diferenco estas en la ordo (ĝuste mala) kaj en la franca bezono je interliga prepozicio (plia malsimplaĵo). La franca lingvo, kiel ĉiuj eŭropaj, ankaŭ ricevas la influon de l'ekstero kaj la sama sistemo kaj ordo kiel en Esperanto ĝin enpenetras per novaj vortoj kiel *autocar, motocyclette, autogarage, autobus, Paris-Plage, Orient-express,* kiuj mortigas *cycle à moteur, garage à autos, plage de Paris, express d'Orient*, ktp.

Ĉefe influas en la internacia vivo la angla lingvo, kiu kutimas je la sama metodo kiel germana kaj Esperanto. Sed la angla lingvo instinkte evitas fali en la danĝeron de la elefantaj vortoj tiel amuze mokitaj de Mark Twain. La angla lingvo ja diras *birthday* (naskiĝtago) kaj *railway* (fervojo) sed, pro pli novaj aŭ pli longaj kombinaĵoj, ĝi skribe konservas la duecon *hand luggage, afternoon tea* (posttagmeza teo) *evening prayers* (vesperpreĝo).

Ĝis nun Esperanto ne kuraĝis permesi siajn vortojn kunmetiĝi tiamaniere parole kaj sence restante apartaj en la skribo. Por eviti trolongaĵojn ĝi uzis la intersignon kiel en *Universala Esperanto-Asocio* aŭ ĝi emis uzi gramatikajn finaĵojn kaj ekzemple adjektivigi la priskriban vorton : posttagmeza teo, vespera preĝo.

Ofte mi bedaŭras, ke oni ne pli atentas la Zamenhofan rekomendon pri la divida signeto ' speciale kiam oni provas novan aŭ longan kunmetaĵon. Kial lacigi la leganton por ke li solvu divenaĵon kiel *virabelo,* kiam estus tiel facile ŝparigi al li sekundon skribante *vir'abelo.*

La uzo de adjektiva formo *(vira abelo)* ne devus egalvaloriĝi al la simpla kunmetaĵo. Tio estus bedaŭrinda trouzo, kiu perdigus al Esperanto riĉan fonton de esprima povo. *Fera vojo* ne estas *fervojo* kaj *fera gvidado* ne *fer'gvido.* Ĝuste en tiu elektebleco inter du formoj kuŝas tiu trezora povo esprimi delikatajn diferencojn en la senco kaj en la sento, pri kiu eksteraj kritikantoj ĝenerale kredas, ke Esperanto estas absolute senigata.

Neniu eraro estas pli granda. En si mem nia lingvo posedas ĉiajn eblecojn de plej riĉa distingado, kondiĉe ke oni konu la lingvon ĝisfunde kaj ne promenu tra ĝi blinde kaj krude kiel bovido en butiko de porcelanaĵoj. Ni revenos al tiu temo.

---

## Amerikana sprito

*** La usona Senato malpermesis la enporton de fi-libroj. Verŝajne la senato opinias ke la usona talento mem sukcesas produkti tiajn. (Ohio State Journal.)

*** Francujo kiu tiom deziris ke ĝia sekureco estu garantiita de Usono, verŝajne neniam aŭdis ion pri Chicago. (Arkansas Gazette.)

# Tra la Libraro

*Plena Vortaro — Literaturo — Fakaj verkoj — Movado*
*Lernolibroj — Diversaj presaĵoj.*

De longe esperata, dezirata, estas verko, simila al la Kabe'a « Vortaro de Esperanto », sed pli kompleta. Jen, dank' al la iniciatemo kaj persisteco de SAT ni posedas tiun laborilon: la *Plena Vortaro de Esperanto*; ĝin ĉiu Esperanta leganto aŭ verkanto bezonos kaj ofte traserĉos. La Centra Presejo de V. Polgar zorgis pri klare legebla, preskaŭ senerara kompostado. S-roj Grosjean-Maupin, Esselin kaj Waringhien respondas pri la vortoj de komuna lingvo, la unua el ili estinte ĉefa kontrolanto, dum S-ro Grenkamp-Kornfeld prilaboris la teknikan radikaron. Foliumante la pli ol 500 paĝan volumon, oni konstatas la koncizan precizecon de l' difinoj, la abundon de ekzemploj, ofte ĉerpitaj el Zamenhof'aj tekstoj, la ci'on de, se ne parencaj, tamen ne konfuzendaj vortoj, la detalajn gramatikajn klarigojn pri ligvortoj, afiksoj (ekzemple sufiksoj ig kaj iĝ bezonis 5 plenajn paĝojn) la specialajn rimarkojn pri oftaj sed forigendaj stileraroj. Nefacile estas vorte priskribi la riĉecon de l'informoj. Tiucele mi simple kopias unu ne tro longan eron.

U M. Sufikso sen difinita senco, uzata por derivi vortojn, kies rilato al la radiko estas malpreciza kaj neesprimebla per ceteraj sufiksoj: aerumi, amindumi, gustumi, komunumo, laktumo, linoleumo, palpebrumi, provizumi, spikumi, malvarmumi, ventumi. Krom tiu nedifinebla senco, UM estas uzata laŭ iom pli precizaj sencoj por signifi: 1. Metaforigo de la radikverbo: brulumi, mastrumi, plenumi, respondumi (komparu pri B. 3) Vestoparton aŭ korpgarnaĵon: buŝumo, kolumo, manumo, nazumo (vidu okulvitroj), plandumo; 3. Turmenton: krucumi palisumi, radumi, ŝtonumi. Rim. Por kelkaj vortoj tiu sufikso montriĝis neutila kaj iom post iom malaperas: akv(um)i, buton(um)i, lot(um)i, okul(um)i.

La aŭtoroj forgesis sciigi, ĉe la mallongigoj, ke komenca grandlitero signas la oficialajn radikojn. Oni bedaŭras, ke la amplekso de la volumo trudis forigon de multaj teknikaj vortoj, kaj tio ĉe la fino pli ol ĉe la komenco. Ne-Satanojn ŝokas kelkaj ekonomiaj, politikaj kaj religiaj difinoj iom tendencaj. Eraretoj kaj kritikindaĵoj certe estus mencieblaj. Sed makuletoj ignorendaj tio estas, kompare kun la grava, zorge plenumita laboro, kompare kun la multopaj bonaj servoj, kiujn certe liveros la libro. Ne nur ĝi iam utilos, kiel bazo por estonta Oficiala Vortaro, sed dume, kaj eble longe, ĝi efikos kiel unuecigilo en nia lingvo, ĉar feliĉe multaj volonte uzas pretan helpilon kaj facile obeas regulojn kaj konsilojn, dum nur kelkaj senĉese diskutadas pri personaj preferoj ĉe tiu aŭ alia detalaĵo.

---

La kvalitplena romano de Julio Baghy, *Viktimoj*, inspirita al la aŭtoro de liaj travivaĵoj kiel militkaptito, ne bezonas reklamon; ĝin ŝatis jam multaj legantoj; ĝi novajn povos trovi, ĉar ĝi ĵus reaperis en dua eldono. La formato estas pli granda, kio feliĉe ebligis uzi pli taŭgan literaron, ĉar okullaciga estis tiu de l'unua. Flua prozo, vervo, maloftaj okazinzaĵoj, impresaj karakteroj, ĉio lokigas tiun verkon ĉe la unua rango de nia originala romanaro. Bedaŭrinde, ne nur oni ne korektis la preserarojn troveblajn en la unua eldono, sed ilin represis kaj eĉ aldonis kelkajn. Ĉu pri tia verko, pli zorga tralego de l' presprovaĵo ne estus postulenda?

Originala, jela sencoj de l' vorto, estas: *Por Recenzo*, de K.R.C. Sturmer. Laŭ la titolo, vi ja ne divenus la enhavon. Ĉu la aŭtoro, konata esperanta recenzanto, intencis spiti sin mem aŭ aliajn? Li kondukas nin, sed nur dum unu vespero kaj la sekvanta mateno, ĉe diversaj personoj, poeto, profesoro, juna edzo, studento, kiuj okaze malkaŝas antaŭ ni anglan tipan vivadon kaj pensadon. Tiu analizo de kontraŭaj aŭ ŝanĝantaj animstatoj estas plena je trafaj rimarkoj, pripensigaj ideoj. Nek novelo, nek traktaĵo, sed iu « eseo » t.e. studo pri moderna medio estas tiu verketo, speciale alloga kaj tre bonstila.

Ankaŭ malfacile klasigebla, iel enigma, estas la libro titolita *Se Grenereto...*, de Kenelm Robinson. Tiu titolo aludas al konata verko de l'franca prozisto Gide; al li estas dediĉo « sen permeso, sen indeco ». Kial tiu aludo kaj dediĉo? Ĉu pro ia Freud'ismo t.e. speciala konsidero al priseksaj problemoj kaj ilia influo dum viriĝo? Ĉu pro tio, ke la aŭtoro mem taksas kaj kritikas sian propran verkon? Tre sprita, ofte satira, inklina al novemo, kun rigardoj al esperantista vivo kaj literaturo, tiu tute moderna verko ankaŭ informas pri angla vivo, angla edukado, anglaj moroj kaj ideoj. Laŭ literatura vidpunkto, la ironiaj rakontoj de la unua duono estas pli perfektaj ol la historio: *La fremda knabo*, kiu okupas la alian parton, kaj estas trafa priskribo de sentoj, amikeco, ĵaluzemo ĉe lernanto en privata edukejo. Sume, *Se Grenereto...* estas laŭ originaleco speciale atentinda verkaĵo, kaj plia rekomendo, stilo, preso kaj eldono estas modelaj.

La traduko *La junulino de Stormyr* ja estas vera novelo. Ĝi venas al ni el tiuj nordaj landoj, kie ne nur la librokovriloj estas ofte neĝe blankaj, sed same puraj estas la animoj. Mondkonata estas la aŭtorino, Selma Lagerlöf; el simplaj kampuloj, ŝi faras heroojn, kaj el okazaĵo sufiĉe komuna tiras romaneton kortuŝan. Ofte moraligaj bonekzemplaj rakontoj fariĝas tedaj; ĉi tie, kontraŭe, ni havas priskribon de simpla kampara vivo, honestan boninfluan romaneton, kiu samtempe estas streĉe interesa, kore emociiga kaj talente verkita. Malofta kunigo de preskaŭ malaj kvalitoj.

Jam antaŭ kvindek jaroj verkis por italaj geknaboj Collodi la historion de marioneto *Pinokjo*. Tiu fantaziaĵo havis grandan sukceson; ĝi estis fremdlande multfoje tradukita. La esperanta nova traduko metas en manon de lernintoj bonegan amuzan legaĵon; laŭta legado al infanoj certe sukcesus, se unue gepatroj trovus tempon por laŭtlegi kaj infanoj por aŭskulti. Pro la facila temo, ĝi ankaŭ taŭgas kiel kursa ekzercilo. Kelkaj bildoj ornamas tiun libron, perlo en la porinfana literaturo, kies esperantigo estas tute laŭdinda.

Bona ankaŭ estas la traduko de tute malsamspeca verko *La Fera Kalkanumo* de l'usona aŭtoro Jack London. Ne vera romano ĝi estas, sed socia aŭ socialista pledado, en formo de memorlibro. La aŭtoro imagas, ke en la dudeksesa jarcento oni retrovas manuskripton de la dudeka, en kiu la edzino de revoluciulo rakontis la eventojn de sia tempo kaj la vivon de sia edzo, Ernesto Everhard. Tiel la aŭtoro skizas la socian vivon en Usono, la lukton inter oligarkio industria kaj laboristaro, la malbonojn de nuna ekonomia sistemo. La unuaj ĉapitroj iom longe raportas la diskutojn de Everhard kun diversskolaj burĝoj, la varbiĝon de lia estonta edzino, de sia patro, de episkopo, kiu ekvidas la veran kristanismon kaj provas vivi laŭ ĝi. Poste la okazoj pli rapidas: Tuta malapero de l'meza klaso, ĝenerala striko, disiĝo de la laboristoj, ribeloj, terura sanga komuno en Ĉikago kaj provizora venko de l'trustestroj. La libro estis verkita en 1908, kaj London lokigas tiujn luktojn inter 1913 kaj 1918. Ni ja scias, ke tiam aliaj bataloj, pli sangaj ankoraŭ, pro aliaj kaŭzoj, furiozis. Tio iom ĝenas la leganton, kaj ŝajne pruvas la malpravecon de London en liaj antaŭdiroj. Kredeble opinias la eldonintoj de l'traduko, ke li nur eraris en

la jarnombro, ke iam kruele interbatalos la sociaj klasoj, ke venkos la « Fera kalkanumo » antaŭ la estiĝo de l'promesita paradizo, la epoko nomita: Frateco de Homoj. Dume tiu provo pentri al ni la estontecon bone precizigas la aktualan socian problemon.

---

Ne nur ĉiulandaj edukistoj devus legi la libreton de Ad. Ferrière, *Estonta Eduko* kaj eltiri el ĝi profiton por sia profesio, sed ankaŭ nefakuloj trovos intereson en tiu resumo de la postuloj de moderna pedagogio. La kritikoj de la aŭtoro kontraŭ la ĝisnuna lernejsistemo estas eble tro akraj, sed ili pripensigas multajn, kaj el la novaĵoj proponitaj granda parto estas akceptebla kaj estos iom post provata kaj kribrata. Esperantigo tre bona.

*Kaj ĉio restas penso sed ne faro*, tiel admonas nin hinda apostolo Lakshmiswar Sinha, nun propagandanta por tuthoma fratiĝo en norda Eŭropo. Lia idealo, koncize montrita en tiu broŝureto, estas ĉies aprobinda.

Scienca parolado pri funebra temo, *La mortado*, ankaŭ kelke da jaroj dirita de germana kuracisto Nothnagel estas prezentata al ni en bona traduko. La klera aŭtoro ne traktas religie sed biologie la homan finon, kaj volas pruvi, ke ĝenerale la suferoj de mortanto tute ne estas tiom kruelaj, kiom oni imagas. Trankviliga certigo.

*Sur la feliĉvojo*, estas ekonomia traktaĵo en formo de sonĝrakonto, celanta alporti rimedon al la demando pri interŝtataj militŝuldoj, kaŭze por internacia malpaco. Bedaŭrinde la alegoria rakonto ne estas klare komprenebla kaj ĝia stilo tre peza.

Jen estas tuta serio da broŝuroj el U.S.S.R. La pli ampleksa liveras la tradukon de l' *Programo de Komunista Internacio* akceptita en Moskvo 1928. Estas utile disponi tiun dokumenton por ekkoni senpere la komunistajn tezojn, ofte, vole- nevole, malĝuste cititajn en nia ĵurnalaro. *Financa kapitalo en Papa mantelo*, estas akra atako kontraŭ la eklezio kaj ĝiaj estintaj estroj. *Tiel estis en la jaro* 1915, rakontas pri mortigo al laboristoj, post striko en urbo Ivanovo-Voznesensk, por ke la agado de l'antaŭa rusa reĝimo ne forviŝiĝu el memoroj. En, *Kiel ni konstruas socialismon*, oni klarigas la tiel nomatan kvinjaran planon por ekonomia rekonstruo kaj la metodon por ĝia efektivigo. *Esperantista traktoro*, dulingva teksto, diras la helpon la Dresdenaj laboristoj esperantistaj al loĝantoj de Krimea vilaĝo per donacsendo de unu traktoro. Fine *Mikaelo*, ankaŭ dulingva eldonaĵo de biblioteko de P.T.T. isto, montras per historieto la diferencon inter antaŭ — kaj postrevolucia epoko por laboranto en poŝtadministrado.

---

La *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado* 1930 konservis la aranĝon de la pasintjara kaj prezentas en sia enciklopedia esperantisma parto, kiel en la delegita adresaro, ĉiujn dokumentojn kaj informojn, kiujn povas bezoni aktiva samideano por praktika uzado de nia lingvo kaj servaro.

Okaze de la 22a kongreso Oxforda, kiel aldono al la kongreslibro, estis disdonata la *Oficiala Dokumentaro* kun detala raporto de I.C.K., pri la jara laboro, aparta raporto de komisiono por radio kun statistiko, jara raporto de la Direktoro de UEA kun financa parto, fine raporto de la Akademio, inter ili traktaĵo pri la nomoj de ne-esperantaj literoj kaj signoj, fine regularoj kaj rezolucioj, nunaj leĝoj de nia ŝtateto.

Ambaŭ presaĵoj konvinke pruvas, kiom fervore laboras niaj reprezentantoj, kiom vastaj estas la kampoj plugataj, kiom grava estas nia movado.

Du bonaj lernolibroj por geknaboj ĵus estis eldonataj, unu en Anglujo alia en Germanujo, ambaŭ lerte aranĝitaj kaj pedagogie modernaj. La unua *Esperanto por Infanoj*, de G. Gladstone Solomon, nur esperanta, estas do ĉiulande uzebla; simplaj frazoj kun lernotaĵoj vice prezentataj, tre multaj simplaj amuzaj desegnaĵoj, ĉio permesas paroligi la infanojn kaj per rekta metodo instrui la lingvon.

La dua, de Arthur Degen, *Esperanto Lernolibro por popollernejoj* ankaŭ arte ilustrata eĉ kun kolorbildoj, enhavas pli varian enhavon. Ĉiaj tekstoj, dialogoj, kantoj, ludoj ankaŭ bone ebligas buŝan ekzercadon kaj por faciligi lernadon de vortoj, la aŭtoro precipe elektis ilin laŭ ilia sameco en germana lingvo. En la antaŭparolo kaj en la parto Ekzercoj kaj taskoj, instruanto trovos multajn konsilojn kaj ekzemplojn por plej efika uzo de rekta instrua metodo.

Bahmen Ŝidani en Teheran aperigas duan eldonon de sia pli ol 200-paĝa lernolibro por persoj, presita en Teheran kun, unue detalaj klarigoj en persa lingvo, due gramatiko kun ekzercoj en dudek lecionoj, trie legotekstoj kaj kvare vortaro Esperanto-Persa. Interesa novaĵo de fora lando.

Kiel legolibreto aperas en Japanujo N-ro 1 de nova Esperanta Universala Biblioteko, belaspekta eldonaĵo kun la *Paroladoj de L.L. Zamenhof*. Ilin oni represis kiel modelojn de esperanta stilo. Ĉerpitaj el la nova « Originala Verkaro », la tekstoj estis tamen zorge komparitaj kun la aliaj haveblaj ekzempleroj: Bruggeman, Historio de Esperanto. Möbusz, Dokumentoj de Esperanto kaj la ĉeĥa: Vortoj de Zamenhof. La kompilinto, en finaj rimarkoj, citas ĉiujn diferencojn trovitajn. Ĉe alia flanko de l' mondo ankaŭ scienca precizeco estas ŝatata.

---

*Esperanto Literature, Notes and Impressions*, anglalingva broŝuro, en kiu K.R. Sturmer kolektis tre interesajn artikolojn pri nia literaturo, ĝia valoro, ĝiaj specialaĵoj, ĝia poezio, ĝiaj ĉefaj verkoj. Tiuj estas listigitaj ĉe la fino kun diversaj rimarkoj. La aŭtoro pruvas fundan konon kaj lertan aprezon de niaj verkoj, ĉu originalaj, ĉu tradukitaj, kaj ni esperu ke li iam verkos esperantlingve pli ampleksan, sed same valoran kaj originalan traktaĵon pri nia literatura trezoro.

En *Vom Kultur- und Bildungswert des Esperanto*, D-ro R. Trögel kunigis dek germanlingvajn studojn pri eduka, instrua, paciga, kultura raciiga valoro de Esperanto verkitaj de diversaj fakuloj. Bonega propagandilo por seriozaj kleraj medioj.

En hispanlingva kolekto da artikoloj de Romulo S. Rocamora troviĝas ankaŭ priesperanta literatura konsidero titolita: *La época heroica del Esperanto y del Esperantismo y sus afectos en la literatura universal*, kiu precipe argumentas per la tradukoj de Faust de Hermano kaj Doroteo, kaj de l'Ifigenio en Taŭrido.

*Az eszperantó győzelme felé* (La proksima venko de Esperanto) de Jozsef Mihalik, estas hungarlingva propagandilo, kun ĉapitroj pri lingvoj internaciaj, historio de Esperanto, ĝia konsisto, ĝia organizo, ĝiaj avantaĝoj por internaciaj rilatoj, ĝia literaturo.

La serio de artikoloj per kiuj E. Aisberg en sprita instrua dialoga formo, klarigis la senfadenan telefonion, en la bedaŭrinde ne plu aperanta Internacia Radio-Revuo, jam trovis diverslingvajn tradukantojn. Itala eldono aperis en dika luksa volumo: *Ora so che cosa é la Radio*, kun multaj desegnaĵoj, ĉu teknikaj, ĉu humoraj. Rimarkinda, tiu fakto, ke scienca verko estas unue Esperantaĵo, kaj poste multlingve tradukata; kia efika pruvo pri la diverseco de l' profitoj eltireblaj el internacia lingvo.

Pri *Estonio* aperis ilustrata gvidlibro priskribanta tiun landon laŭ geografia, historia kaj ĉefe ekonomia vidpunkto. Pli malampleksa tia informilo traktas pri ĝia ĉefurbo TALLINN.

15. Oktobro 1930. G. S.

# LA MORTO DE PAN

De Gyula Reviczky *

*La ŝipo naĝas en vesper-purpuro,*
*Spiregas mara brust' en dormo mola,*
*Ŝaŭmkovron ŝian taŭzas dum trakuro*
*Zefir' flirtama per eklev' petola.*
*Vaporo varma vibras tra l'aero,*
*Krepuskĉiela pala lun-telero*
*Iom post iom iĝas fajr' arĝenta.*
*Ĉirkaŭe kuŝas reva pac' silenta.*

*Kantoj enŝipe*
*Klakas surlipe.*
*Krudaj ŝipanoj*
*Ĝojas je plenaj*
*Pladoj festenaj,*
*Kruĉoj longkolaj tintas en manoj.*
*Saltas la kub'. Ĝin turnas en danco*
*Tien, ĉi tien false la Ŝanco.*
*Nudaj knabinoj*
*Sidas en sinoj,*
*Gutas sur lipoj mielo Hiblaja.*
*« Kisu, Lesbia! Vivu la gaja,*
*Dolĉa ebrio! Vivu la vivo!*
*Vivu l'eterna, avida soifo*
*Sorbi voluptojn! Sekvas ja nin*
*Trans* Cocytus *nek vin', nek knabin'! »*

*Pli kaj pli laŭtas subo de l' galero,*
*Blasfemoj, krioj flugas tra l'aero.*
*Surplande fluas* Caecubum-a *vino*
*Je l' san' de Tiberio, la cezar',*
*Drapire kaŝis sin junul', knabino,*
*Petolas gnomo ĉirkaŭ l' juna par'.*
*Hordancon fajran dancas la aliaj*
*Kaj, nevideble, dioj idiliaj,*
*Senzorgaj ridas inter gajular'.*

*Jen, direktisto ŝipa, tra l'ebrio,*
*Ekaŭdas voĉon, nome voki lin.*
*« Thamus! »... He, kio? Kio ja! Nenio!*
*L'oreloj muĝas pro la multa vin'.*
*Sed, ĉu ne ree la antaŭa sono?*
*« Thamus! » Nu! Ne plu ŝercos vi, fripono!*
*Ekiras li por vidi. Nokt' mistera.*
*Arĝentas ondojn blanka ŝaŭm' bordera.*
*Vibradas en la mar' kun molaj bruloj*
*La steloj, aŭ — ĉu ne najadokuloj?*
*En la stellumo, kiel nigra strio,*
*Kuŝas la fora bord' de Etolio.*

*Ĉirkaŭrigardas Thamus kun atento.*
*Neniu tie. Ĉie nur silento.*
*Eraro tamen. Kaj li jam reiras,*
*Melissa fajra, kub' kaj vin' lin tiras,*
*Sed jen, tra l' nokto, voĉ' mistera, krie*
*Vokas la nomon* Thamus *ankaŭ trie.*
*« Ne homa voĉo... La ĉiel' parolas... »*
*Balbutas Thamus. « Kion do vi volas? »*

*Nun laŭta voko muĝas tra l'aero,*
*Aŭdebla eĉ en subo de l' galero:*
*« Ŝipan' maljuna, Thamus, vi!*
*Estu profeto sen konsci'!*
*Veninte nun al* Palodes *altborda,*
*Anoncu:* Pan *la granda kuŝas morta! »*

*Kaj eksilentas la diboĉa bru',*
*Ne gustas drink', ne gustas manĝo plu,*
*Sin endormigi Thamus vane penas,*
*Enpense revas, en kortuŝo forta,*
*Kaj kiam ili al la bordo venas,*
*Al borda rok'*
*Li krias laŭ l'ordon' de l'Vok':*
*«* Pan *mortis,* Pan *la granda kuŝas morta!»*

*Kaj jen, — miraklon kiu vidis tian! —*
*Ekiras arboj, arbetaĵoj, ŝtonoj,*
*Mallaŭtan ploron, plendon agonian*
*Sekvas ĝemantaj kaj veantaj sonoj,*
*Ĝemspiroj flugas, kiuj cerbon boras,*
*Singultas ploro, trema, sufokvorta,*
*Sed malespere ĉion superploras:*
*«* Pan *mortis,* Pan *la granda kuŝas morta! »*

*« Jam mute kuŝas la septuba fluto,*
*Per kiu nimfojn li timigis lude,*
*La teron regos Frost', Rigor' kaj Muto,*
*Petolaj dioj ĝin ne loĝos nude.*
*Satiraj, nimfaj kaj silvanaj gentoj*
*— Por ĉiu arbo dio feliĉsorta —*
*Forlasis boskojn, fontojn kaj torentojn,*
Pan *mortis,* Pan *la granda kuŝas morta!*

*El la Naturo la anim' forflugos,*
*Sur Ter' ne distros dioj sin ludeme,*
*Humoron flirtan peza zorgo jugos,*
*La konscienco venos animpreme.*
*Medit' enua kaj rezignacioj:*
*Tion anoncas diro profetvorta,*
*Ho Thamus! For jam la paganaj dioj!*
Pan *mortis,* Pan *la granda kuŝas morta! »*

*Ĉi tion aŭdas ŝipanar' kaj miras,*
*«* Pan *kuŝas morta! » — senkomprene diras.*
*Kiu deĉifros la milpendajn vortojn?*
*Potencoj! kiuj regas homajn sortojn!*
*Sendu lumsignon en ĉi blind-obskuro,*
*Kion signifas plendo de l'Naturo?*
*Kaj tra l'arbaro flugas ventozumo,*
*Paliĝas griza jam la noktmallumo,*
*Nebul' vuala kuŝas sur la mont',*
*Kaj mistervoĉe venas la respond':*

*«* Pan *kuŝas morta! Vivas la* Sinjoro!
*Ne boske, fonte, monte, sed en koro!*
*Mortinta jam la dia gent' diboĉa,*
*Pasis la temp' de l'ĝojo fiervoĉa.*
*Al suferantoj apartenos Tero,*
*Plezuro estos ploro kaj sufero.*
*L'arbarsilento, ĝia milda solo,*
*Por malĝojantoj estos jam konsolo.*
*Pagano estas ĉiu sen malĝoj',*
*Ordonis tion sur Golgota voj'*
*Li, kun kompata, pia, milda kor'*
*Preninta pekojn de la mondo for.*

*Kaj oriente, kie l'aŭrorhelo*
*Aeron pentras kun reĝluma ŝpruc',*
*Kun tero kunfluante, sur ĉielo*
*Aperas, jen, la Kruc'.*

El la hungara: K. KALOCSAY.

* Gyula Reviczky, hungara lirikisto, 1855-1889, heroldo de la moderna hungara liriko. Kompletan kolekton de poemoj, ofte melankoli-pesimismaj, eldonis P. Koroda 1895. Tradukoj ekzistas en franca kaj germana lingvoj.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Tra la mondo por Esperanto

Sinjoro Scherer, la speciala delegito de la ICK fervore laboris en Japanlando. Kiam tiu ĉi numero estas forsendata, li jam ne plu estos en tiu ĉi lando. Antaŭ foriro de Usono, li estis akceptita de fama filmstelo, Lupe Velez interesiĝinta pri Esperanto. La bildo montras la adiaŭan scenon.



*Unuaj informoj el Japanujo.*

Alveno 5an de Oktobro, akceptita jam ĉe la ŝipo de samideanoj el Tokio. Parolado en Tokio antaŭ 475 personoj kaj radio-prelegon. Aro da intervjuoj kun gazetistoj, raportantaj favore. En Sendai parolado antaŭ 600 personoj. Plie parolado antaŭ 400 personoj el komerco kaj industrio. En Osaka parolado. Ĝis meze de Oktobro ĉeestis la paroladon 8000 personoj.

Personoj skribintaj al S-ro Scherer laŭ adreso de la American Express Company en Tokio kaj Nagasaki bonvolas ree skribi al Singapore laŭ sama adreso. En Tokio kaj Nagasaki ne estas Oficejoj de la A.E.C. Poŝtmark-kolektantoj estas informataj ke peto pri sendo de poŝtmarkoj estas ne plenumebla, ĉar S-ro Scherer ne havas tempon sin okupi pri tio. (Resumita laŭ informo de ICK).

## Songo

De Franz Döring.

*Vi, bela, dum sonĝo aperis*
*Kaj multe min dolĉe ĥaresis;*
*Veĥiĝe mi tuj eĥsuferis,*
*Ke tio rapide jam ĉesis.*

*Se estus la sonĝo realo,*
*Mi volus vin ami adore;*
*La sorton regadis fatalo:*
*Mi vane atendis — senplore*

**PRO LASTMOMENTA ŜANĜO**

la Oficiala Informilo de U.E.A., aperos nur kun la

**VENONTA NUMERO**

## Propagando per la praktiko

*Walther Hahn, Gohlis-Dresden.*

Okaze de la Dresdena kongreso ĉeĥaj infanoj kun sia instruisto S-ro Neuzil venis Dresdenon. Ili travivis belajn tagojn kun germanaj infanoj, kun kiuj ili estis korespondintaj dum semajnoj antaŭ la kongreso. Baldaŭ ili interamikiĝis, ĉar ili bone komprenis unu la alian. Kune ili prezentis scenojn, poemojn, kantojn, kiujn ili estis lernintaj ĉiu en sia hejma lernejo. La afero bone funkciis, kvankam la infanoj interkonatiĝis persone nur unu horon antaŭ la kongreso. Samideano Ĉe, lertege kaj amuze interparoladis kun la infanoj, kaj ĉiuj aŭskultantoj havis la impreson, ke jam por infanoj Esperanto estas taŭga interkomprenilo. La ĉeĥosl. urbo Olomouc, kiu subtenis la kongresvojaĝon de la infanoj, invitis la germanajn lernantojn kun iliaj instruistoj, viziti Olomouc kaj ripeti tie la prezentaĵojn kun la ĉeĥaj geamikoj. La tagaj gazetoj favorege raportis, tuŝante ankaŭ la porpacan efikon de tiaj entreprenoj.

Alia okazintaĵo: Antaŭ nelonge japana samideano Iŝiguro, la redaktoro de la Esp. gazeto Kiboŝa, vizitis la germanan lernejon en G..., kie oni instruas Esperanton. Atente la gasto rigardis la esperantajn instruilojn en la lerneja ĉambro, la murtabulojn kun la perbildaj klarigoj de la prepozicioj, la grandon mondkarton kun linioj montrantaj de G. al la multaj urboj, en kiuj loĝas la korespondantoj de la lernantoj, la diplomon ricevitan de la « Internacia Ekspozicio de Infanlaboritaĵoj » en Oviedo, Hispanujo, k.t.p. Aŭskultinte instruhoron la gasto mem interparolis kun la infanoj, respondis iliajn demandojn, ĝojigis ilin per ĉarmaj japanaj donacaĵoj, kaj skribis laŭdezire la nomojn de la infanoj per japanaj signoj. Dancoj kaj esp. kantludoj en la ĝardeno trovis la aplaŭdon de la japana samideano, kiu post horoj kun laŭdaj vortoj forlasis la lernejon ricevinte florbukedon rapide alportitan kaj transdonitan de lernantino kun malgranda nepreparita parolado. La impreso estis profunda. La infanoj nun scias, ke Esperanto estas vere uzebla praktika interkomprenilo. Nova entuziasmo regas en la klaso. En la tuta regiono oni parolis pri la japana vizitinto en la lernejo de G. La loĝantaro scias, ke Esperanto estas praktike uzata.

Jen la tria afero. Instruistojn oni ne facile povas konvinki. Tion mi ofte spertis, kiam miaj helpiloj estis nur vortoj. Tute alia estis la afero antaŭ nelonge. Konata kolego el germana grandurbo skribis al mi: « Mi aŭdis ofte pri viaj peresperantaj internaciaj interrilatoj. Ĉu vi povas helpi al mi en jena situacio: Mi vojaĝos dum kelkaj semajnoj en Francujo kun mia filo kaj ties amiko. Post la vojaĝo mi volonte lasus ambaŭ junulojn en bona franca familio dum 2 semajnoj, por ke ili pliperfektiĝu en la franca lingvo kaj povu rigardi la vidindaĵojn de Paris ». — Mi tuj skribis al D-ro Philippet, Paris, delegito de UEA, kiu per flugpoŝtletero sendis afablan kaj grandaniman inviton por la patro kaj la du junuloj. Ricevinte tiujn sciigojn mia kolego tute surprizite skribis: « Mi ne supozis, ke via afero tiel bonege funkcias. Depost la alveno de via letero mi studadas en mia esp. lernolibro, kiun mi jam delonge posedas. Mi volas paroli Esp., kiam mi alvenos ĉe D-ro Philippet en Paris. Mi ne plu dubas, ke Esperanto estas grava interkomprenilo. »

Ni devas propagandi, sed ne nur per vortoj. Ni *agu* kaj pruvu per tio la praktikan valoron de Esperanto. La sukceso ne mankos.

## Pri Hotela Servo de UEA

UEA ano intencis fari vojaĝon, kaj rezervigis al si hotelĉambron en iu difinita loko. Li trovis, ke hotelo estis menciata kaj ke eĉ la Delegito mem estis la hotelestro. Kvankam posedante adresojn de hoteloj en tiu-ĉi loko, la vojaĝonto preferis havigi al la Delegito ne nur delegitecajn zorgojn sed ankaŭ profesian profiton, kaj do — kiel membro de UEA — petis la Delegiton tri au kvar tagojn antaŭ la ekvojaĝo rezervigi ĉambron por precize difinita nokto.

Alveninte en la koncerna loko, li iris al la hotelo, kiun li trovis fermita kun la mencio « plena ». Li sonorigis kaj informis la serviston, ke estis rezervita ĉambro. La servisto iris por paroli al la hotelestro kaj revenis komunikante ke, bedaŭrinde, ne estis ĉambro libera, ke ne estis okazo sendi informon pri tio...

La seniluziiĝinta samideano, laca pro la vojaĝo, nun vagis kun sia bagaĝo en fremda urbo je noktmezo de unu hotelo al alia por trovi noktloĝadon. Feliĉe, ke li povis paroli la fremdan lingvon.

Post longa klopodo li fine sukcesis trovi ĉambron en luksa hotelo kaj je luksa prezo...

Eble, ke la Delegito pro profesiaj zorgoj forgesis, ke li ankaŭ havis UEA - devojn, kaj ke rezervigo de hotelĉambro ankaŭ povas okazi en alia hotelo...

DEMANDOJ.

Ĉu estas bone unuigi la funkcion de delegito kaj hotelestro en unu persono ?

Ĉu UEA — se ĝi vere volas servi al ĝiaj membroj rilate al la Hotel-Servo — ne povus organizi specialan fakon « Hotel-Servo », ne nur por la membroj, sed uzebla de ĉiu, eventuale je kondiĉoj iom pli favoraj por la UEA - anoj ol por la aliaj ?

Eble, ke post kelktempa praktiko UEA povus havi profiton per tia entrepreno, ne nur financan, sed ankaŭ en tiu-ĉi senco, ke la Asocio pli multe diskonatiĝus en la turisma mondo !

SPERTINTO.

Rim. Ni publikigas tiun plendon, ĉar la plendinto estas ano de nia Asocio depost ĝia fondo. La plendinto post demando ne volis komuniki la nomon de la Delegito, kio malebligas formalan aplikon de nia statuto. Samideano kiu poste spertos saman aventuron prave plendos pri manko de respondeca sento. Ni esperas ke la plendinto malkovros al ni la nomon de la Delegito kaj hostelestro por eviti tiajn « malservojn ». (Direktoro.)

---

## Internacia Ĉe-Instituto

*Sro Ĉe, kun helpo de Ges-roj Isbrücker kaj aliaj nederlandaj amikoj, fondis sian Instituton kiel privatan entreprenon. Ni informas niajn legantojn pri la progresoj de ĝia agado kaj ni kore esperas, ke ĝi daŭre akcelos nian movadon en la regionoj, kie ĝi laboros. La komitato de UEA kunveninta en Oksfordo alprenis rezolucion favoran al tiu agado kaj ĉie niaj anoj helpis kaj helpos al sukcesigo de la Ĉe-kursoj. Reciproke ni esperas, ke la partoprenintoj aliĝos al UEA por doni forton al nia lingvo kaj ebligi gian uzadon tra la tuta mondo. Laŭ la unua bulteno de la Instituto, jen la komunikaĵoj de la sekretario, S-ino Isbrücker, Oostduinlaan 32, Hago.*

---

*Saluto.* — La Instituto samideane salutas ĉiujn Esperantistojn kaj ĉiujn Esp. organizaĵojn kaj tutkore proponas sian helpon al ili por la pli rapida disvastigado de Esperanto.

*Konsilantoj.* — Por la Instituto estas granda honoro havi kiel Konsilantojn la jenajn altestimatajn samideanojn : Prof. Pierre Bovet, Prof. Odo Bujwid, Prof. W. E. Collinson, Dipl. inĝ. Karl von Frenckell, Prof. Th. Cart, Rektoro Sam Jansson, D-ro Edmond Privat, S-ro Ed. Stettler, D-ro Felikso Zamenhof, D-ro Leono Zamenhof,

*Landaj Sekretarioj* de la Instituto funkcias en : *Latvujo* S-ro Talivaldò Indra, ĉefdelegito de UEA, Pasta kaste 475, Riga. *Nederlando* : F-ino J. E. Rikkers, komisiita de L.E.E.N., Ant. de Haenstraat 122., Hago. *Norvegujo* : S-ro Arne Arnessen, delegito de UEA, Bondernes Bank, Oslo. *Svisujo* : S-ro Jakob Schmid, membro de la Lingva Komitato, Müslinweg 2., Bern.

*Rajtigitaj instruistoj.* — Ĝis la 30. IX. 1930 la Instituto donis al 21 personoj en 10 landoj rajtigon al gvidado de Ĉe-kursoj.

La rajtigo ne signifas tion, ke la Instituto prenas sur sin respondecon pri la laboro de la rajtigitaj personoj. La Instituto garantias nur pri tiuj instruantoj, kiujn ĝi aparte rekomendas al la kursarangantoj. Personoj dezirantaj ricevi rajtigon aŭ rekomendon bonvolu turni sin al la Instituto.

*Kursojn* gvidas nuntempe : S-ro Morariu en Linköping kaj Norrköping, S-ro H. Seppik en Kiruna, F-ino E. Påhn en Linköping, S-ro W. P. Roelofs en Soest, S-ro A. Wolterbeek en Breda, S-ro D-ro O. Fischer en Stuttgart, S-ro S. J. Ysselstein en Schiedam, S-ro B. Aeltermann en Danzig, S-ro J. Jelenič en Ljubljana, S-ro H. Popper en B.-Kamnitz.

*Statistiko.* — Bezonante ellabori statistikon pri la ĝis nun faritaj Ĉe-metodaj kursoj, la Instituto kore petas ĉiujn, kiuj ĝis nun gvidis tiajn kursojn, ke ili bonvolu peti de la Instituto la statistikajn demandarojn kaj per tiuj ensendi la necesajn informojn. Antaŭan dankon !

*Kie oni bezonas instruiston* ? — Tiuj, kiuj deziras aranĝi kurson kaj bezonas instruiston, bonvolu en frua tempo turni sin al la Instituto kaj komuniki siajn detalajn dezirojn pri la tempo kaj pri la persono de la instruisto.

*Instruistoj estas serĉataj* en pluraj landoj. Personoj kapablaj al sukcesa kursgvidado kaj pretaj al tia laboro en eksterlando, bonvolu sendi sian proponon al la Instituto. Estas postulataj perfekta uzado de Esperanto kaj lerteco en kursgvidado kaj en diversaj propagandaj laboroj.

## Skolta Esperantista Ligo

*Centra Oficejo : NETHERTON, Huddersfield*
*Yorkshire, England*

Dum Julio 1930 okazis granda Tendaro de Skoltoj ĉe Nijmegen, Nederlando, kiun organizis la S.E.L. Skoltoj el kelkaj landoj partoprenis kaj feliĉe kunvivis dum sep tagoj.

La Ligo ĉiujare aranĝas Tendaron kaj venontan Julion, laŭ invito de la Hungara Skolta Asocio la Tendaro okazos apud Budapeŝto. Ni esperas ke Esperantistaj Skoltoj ĝis 300-400 partoprenos el multaj landoj. Jam en Anglujo, Francujo kaj Hungarujo multaj Skoltoj studas la lingvon por ebligi sian partoprenon. La Hungara Skolt-Asocio nun preparas la aranĝojn. Kelkaj eminentaj Skoltoj lernas Esperanton per saluti la vizitantojn.

Sendube estas multaj Skoltoj kiuj ĝis nun ne aliĝis al la Ligo — nun estas tempo aliĝi al la ĉiam kreskanta familio de Skoltfratoj Esperantistaj.

Estas neskoltoj kiuj ne ĝuste konas nian movadon kaj mi esperas, ke post legado de niaj notoj en ESPERANTO ili scios ke inter la junulaj movadoj kiuj laboras por Internacia Paco, la Skolta Asocio estas unu el la plej gravaj. Ĝi enhavas 2-3 milionojn da membroj en preskaŭ ĉiuj landoj. Ili ĉiuj lernas, ke Skoltoj estas fratoj egale ĉu ili havas malsamajn religiojn, klasojn, aŭ kolorojn. Skoltismo estas internacia — Esperanto kaj Skoltismo antaŭeniru brakon ĉe brako kaj la mondo estos multe pli feliĉa loko.

La Skolta Esperantista Ligo havas membrojn en 30 landoj. En kelkaj estas bonaj agentoj, sed aliaj bezonas entuziasman skolton kiu prizorgos la organizadon de la esp. skoltoj en tiuj landoj.

Per kuraĝigi la skotajn skoltojn lerni Esperanton, S-ro G. Englinton Adams, de Edinburgh, Esperantisto, donacis ŝildon kiel premio por la Skolt-trupo kiu gajnos plej multajn poentojn dum Esperanto Konkurso. La gajnonto tenos la ŝildon dum unu jaro kiam denove ili devos konkursi. Jen sugesto por ĉiuj landoj. Alia sugesto estas, ke en ĉiuj landoj oni organizu konkurson inter la skoltoj kun senpagaj biletoj kiel premioj por la Budapeŝta tendaro.

Skoltoj ĉiulandaj estas petataj sendi informojn pri jamboreoj, naciaj konkursoj skoltaj, gravaj skoltaj kunvenoj, k.t.p. por enmeti en tiuj ĉi notoj. Ili devas esti mallongaj kaj precizaj.

Ĉiuj komunikaĵoj pri Skoltismo kaj la SEL devas esti sendataj al la Sekretario, laŭ supra adreso.

Norman BOOTH,
*Sekretario.*

La Hungara Skolta Ligo akcelas la korespondadon en Esperanto. La HSL, Budapest V, Hajnal u. 6, volonte akceptas adresojn de skoltoj, junuloj el ĉiuj landoj, kiuj deziras korespondi kun hungaroj en Esperanto. Ĝi havigas korespondantojn kaj mem helpas la korespondadon de la hungaraj junuloj, per pago de la franko k.t.p. Skribu kaj sukcesigu tion.




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

**Pro kio fondo de Internacia Polica Ligo anstataŭ Tutmonda Polica Ligo.**

Dum la XV-a Kongreso en Nürnberg 1923, Esperantistaj policistoj el 6 diversaj landoj fondis la Tutmondan Polican Ligon, laŭ iniciato de Sinjoro de Marich, Budapest. Kiel gvidanton de la Ligo oni elektis S-ron de Marich, kiu nomiĝis ĝenerala direktoro. Iom post iom S-ro de Marich forlasis la principojn de la ligo kaj agis tute memvole. Li ne nur akceptis neesperantistajn policistojn, sed ankaŭ fondis pliajn fakajn ligojn profesiajn. Li celis unuigi ĉiujn kune kun la anoj de la Tutmonda Polica Ligo en *Tutmonda Ligo de la Ordo*. Li emis *ordigi la Ordon* kaj fine atingis ĥaoson kompletan. Dum varbado li uzis fantaziajn statistikojn pri miloj da membroj kaj sekretarioj, kiuj efektive ne estis anoj de la « Ligo de la Ordo » kaj de la « Tutmonda Polica Ligo ». Li enregistris kiel anojn, eĉ personoj kiuj neniam deklaris aliĝon, sed nur komenciis lerni la lingvon Esperanto. Li daŭre eksperimentis per novaj provoj laŭ subitaj ideoj.

Li ankaŭ eldonis la revuon « La Policisto » kaj ricevis la kotizojn por pagi la kostojn de la eldono. Anstataŭ nur promesi aperon laŭeblan, li daŭre certigis, ke la revuo aperos monate. Li promesis multegon kaj plenumis nur etegon. Malgraŭ promesoj kaj certigoj, la revuo aperis neregule laŭ volemo de S-ro de Marich, ĉiujare nur kelkfoje ĝis fine ĝi malaperis. S-ro de Marich intertempe transloĝiĝis al Nederlando. Post dujara silento li rekomencis eldoni novan revuon kun la sama titolo « La Policisto », sed maŝinskribita teksto. Li ŝajnigas plenan interkonsenton de la liganaro kaj postulas kotizon sen iu ajn ligestrara aŭ liganara demando pro interkonsento. S-ro de Marich kondutas kvazaŭ nenio okazis, kvazaŭ, ke la harmonio kun ligestraro kaj liganaro estas en bona ordo, ke la liganaro senproteste toleras dujaran silenton kaj neaperon de la revuo. S-ro de Marich daŭre eraris, sed neniam konfesas tion. Li emas al diktatoreco dume la spertoj pruvis, ke ligo sub sia gvido ne povas prosperi, ĉar mankas al li klara percepto pri celo kaj ebleco.

Multe da energio, tempo kaj mono estis perditaj per liaj faroj. Entuziasmo kaj espero paraliziĝis inter la anaro kaj la laboro ŝajnis esti tutvana. Tamen ankoraŭ vivis la ideo inter aro de fideluloj. Ili trovis helpon ĉe la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado kaj la Universala Esperanto-Asocio. Per konsiloj de Sinjoroj Kreuz kaj Hans Jakob iom post iom sukcesis reorganizi Internacian Polican Ligon el Tutmonda Polica Ligo.

Fidela al la ideo, kunligi la esperantistajn policistojn, vicprezidanto, sinjoro Beier, direktoroj A. Pohle kaj Teuchner kaj ĉefkasisto A. Gräfe dissendis du mil alvokojn al ĉiuj liganoj por inviti ilin, fondi novan pli bonan ligon. La rezultatoj pruvis la senbazecon de la Tutmonda Polica Ligo laŭ ideoj de S-ro de Marich. Centoj de la enregistritaj anoj ekzistis nur sur papero. Respondoj ne alvenis. Ekster 50 anoj el Leipzig, apenaŭ la sama nombro de la iamaj anoj de la Tutmonda Polica Ligo el Germanujo kaj aliaj landoj respondis kaj deklaris realiĝon al Internacia Polica Ligo.

Helpe de S-ro Hans Jakob, nia nova ligo feliĉe akiris fakan ligprezidanton en la persono de Sinjoro D-ro M. Ruth. Adjunkto de l'ĉefo de la federala departemento pri polico en Bern.

Dum la 19-a Germana Esperanto Kongreso en Dresden, Pentekosto 1930, kelkaj anoj de nia Internacia Polica Ligo kunvenis, starigis provizoran statuton kaj diskutis pri diversaj ligaj aferoj ankoraŭ ne solvitaj. Laŭ la nuna statuto nur povas akiri la membrecon per skriba deklaro ĉiu funkcianta aŭ pensiita policoficisto kiel ankaŭ oficistoj de aliaj estraroj kun polica karaktero. Celoj de la Ligo estas :

*a*) Propagandi la lingvon Esperanto inter la policanaro tutmonda,

*b*) Kunligi la policanojn esperantistajn por progresigi inter ili la fakscion kaj la senton de la profesia solidareco internacie,

*c*) Komprenigi al la publiko la sencon de la polica laboro por solvi ĝin en harmonia interkonsento,

*d*) akceli la enkondukon de la lingvo Esperanto en la internacia polica servado helpe de la kompetentaj estraroj.

Atentu precipe ankaŭ § 24 de la statuto : *Internacia Polica Ligo interkonsentas kun Universala Esperanto-Asocio pri reciproka interŝanĝo de servoj, laŭ lies statuto Art.* 14.

La oficon kiel Delegito akceptis ĝis nun :

*a*) Landa-Delegitoj :

*Aŭstrio.* — Franz Gaidosch, polica distriktinspektoro, Wien-XVI, Herbststrasse 108. I. 6.

*Belgujo.* — J. Derweduwen, polica oficiro, Antwerpen, Beückerstraat 57.

*Germanujo.* — Erich Lipik, kriminala komisaro, Berlin. N.O. 18. Landsbergerstrasse No. 33.

*Hispanujo.* — Ludoviko Santamarina, 1-a klasa policinspektoro, Oliveras 26, torre Guinardo.

*Nederlando.* — J. Alberda, polica oficisto, Nymegen, Broerweg 33.

*Svedlando.* A. K. Orn, policisto, Hospitalgatan 11. Gävle.

*b*) Lokaj-Delegitoj :

*Aŭstrio.* Graz. Josef Hieden, ĉefpolicisto, Prankergasse 66. Linz. Markus Meisleder, pol. distriktinspektoro, Graben 26.

*Ĉeĥoslovakio.* — Komarno. Josef Sprušansky, detektivinspekt. Policajni komisariato.

Nachod. Pravoslaw Andrys, Direktoro de « Inkassant » Novi svet ĉis 429.

*Germanujo.* — Berlin. Willi Rissmann, ĉefpolicisto, N. 58. Oderbergstasse 33. [strasse 103.
Chemnitz. Ernst Otto Schulze, ĉefpolicisto, Planitz-
Coswig. Paul Pröger, ĝendarma ĉefserĝento, Gend. Stat. Distrikt Dresden. Carolastr. 13. [No. 66.
Dresden. Joh. Mucke, ĉefpolicisto, Trachenbergerstr.
Hagen i. W. Paul Engelhardt, policisto, Bürgerstr. 45.
Hamburg. Georg Klaar, ĉefpolicisto, Lindleystr. 34.
Leipzig. Kurt Kretzschmar, ĉefpolicisto, Lützner Str. 30.
Plauen. Otto Dahms, kriminalkomisaro, Naundorferstr. 113
Potsdam. Ernst Willmann, ĉefpolicisto, Marienstr. 4.
Striegau i. Schl. Erich Vetter, ĉefpolicisto, Ueferhäuser 3.

*Svedlando* . — Gävle. Hermann Stahre, policisto, Kungsgatan 30.

Ludvika. John Romlin., policisto, Box 213. nuna adr. Stockholm, Radmansgatan 84. (Floberg).

Eble mi povas respondi la demandon per la titolo de ĉi tiu artikolo en la senco : Vivu nia Internacia Polica Ligo !

P. Teuchner.
Admin. Direktoro.

# TURISMO

## Cannes
### flora kaj elegante sporta urbo

Gvidfolio en formo de faldprospekto kun kolora bildo kaj 12 bildoj el la vivo en tiu tre ŝatata restadloko franca. Eldonis la prospekton la Syndicat d'Initiative, de kiu oni povas peti ekzempleron.

*La bela Düsseldorf*

Faldprospekto kun kolora kovrilo kaj aro da bildoj. Tradukis ĝin senlaca Sinjorino Maria Elkan, kaj eldonis ĝin la Verkehrsamt der Stadt Düsseldorf (Trafika Oficejo) de kiu oni petu specimenon.

*Wien kaj Niederösterreich*

La eldonaĵoj de la Komisiono por Fremdula Varbado en Wien fariĝas jam kutimaj en Esperantujo. Denove belega faldsprospekto en kupropresado, altforma kaj riĉe ilustrita. Belaj bildoj kiel ĉiam allogas fari vojaĝon tra la pentrinda Wachau al Vieno.

*Rio de Janeiro.*

La 3-a Sudamerika Kongreso de Turismo, kunveninta en Rio de Janeiro dum la tagoj 8-17 de Septembro, aprobis unuanime la jenan deziresprimon :

« *La 3-a Sudamerika Kongreso de Turismo rekomendas la publikigon en Esperanto de gvidlibroj kaj flugfolioj dissendotaj en la landoj ekster la Latinameriko kaj la instruadon de tiu lingvo en la publikaj lernejoj de ĉiu lando apartenanta al la Sudamerika Federacio de Turismo, ĉar ke ĝi estas la plej facila interkomprenilo inter la popoloj* ».

Estas ankaŭ aprobita propono de S-ro Dionisio Ramos Monteiro, Ministro de Urugvajo en Brazilo, kun aldono de S-ro Couto Fernandes, pri la verkado de sintezaj libretoj pri geografio, historio kaj ekonomio de ĉiuj sudamerikaj landoj eldonotaj en diversaj lingvoj, inkluzive en Esperanto.

## Japanlando

*Ni represas jenan cirkuler-leteron:*

Tre Estimataj Samideanoj,

Mi, kiel ĉefredaktoro de « Esperanto, Kiboŝa », havas honoron saluti al vi okaze de la forsendo de la gazeto, kaj sciigi al vi iom pri Kiboŝa, eldonejo de la gazeto.

Kiboŝa, aŭ Espera Societo fondita antaŭ dekdu jaroj de S-ro Seikoo Gotoo, kaj ĝi, kies membroj estas pli ol 1,000,000, nun ludas gravan rolon sub la gvido de S-ro Gotoo kiel unu potencan societon de la socia movado. La centra oficejo estas en Tokio, kaj ĝiaj filioj sin trovas preskaŭ en ĉiuj provincoj, urboj, urbetoj kaj vilaĝoj, eĉ en lernejoj, laborejoj kaj hospitaloj k.t.p. S-ro Gotoo nun administras kvar mezgradajn lernejojn, te. 3 en Tokio, 1 en Osaka, kaj ses monatajn gazetojn (unu el ili estas porblindula kaj unu el ili havas Esperantan rubrikon). Kaj ĝis nun li verkis kaj eldonis kelkdek eldonaĵojn. La Kiboŝa-movado estas nek politika, nek religia, kaj nek genta, sed ĝi estas morala kleriga movado, kiu bazas sur principoj de respekto, konfido, amo, laboro kaj studo. (Pri detaloj de Kiboŝa movado ni havos okazon priskribi en la gazeto.)

Ĉar S-ro Gotoo jam komencis lerni nian lingvon kaj havas favoron al ĝi precipe al ĝia 'interna ideo' kaj en la komenco de la jaro li decidis eldoni ĉi tiun gazeton por subteni disvastigon de Esperanto.

Ĉar unue ni volas lernigi kaj disvastigi la lingvon al japanoj, precipe al Kiboŝa'anoj, la gazeto estas redaktata ĉefe porjapanaj komencantoj, kaj sekve ĝi ne estas tre abóninda de nejapanlingvanoj, sed vi povas ankaŭ bone utiligi la gazeton, ĉar bela kaj ĉarma, ĝi estas efika propagandilo de nia kara lingvo, ni kredas. La eldonnombro de la gazeto estas inter dek kaj dekkvin mil ekz., kaj ni nun celas havi 30,000 jarabonantojn antaŭ la fino de la jaro.

Fine ni kore petas vian klopodon kaj subtenon por la kreskado de nia gazeto kaj por brila progreso de Esperanto.

Sincere kaj samideane salutas, *Joŝi H. Iŝiguro.*
Ĉefredaktoro de « Esperanto, Kiboŝa »
Ĉefdelegito de UEA en Japanujo.




**Liechtenstein :**
**Oficiala poŝtkarto**

La serio de 6 poŝtkartoj kun E teksto:

Preĝejoj en Schaan
Ĉefloko Vaduz
Alpo de Valüna
Valo Samina
Bendern ĉe Rejno
Schellenberg.

Tuta serio:
Frk. svis. 1.50
UEA, Genève

## Esperantista parolejo

### Internacia Scienca Informservo

Laŭ interkonsento kun la Internacia Scienca Asocio Esperantista ni transprenis la organizon de ISIS, kies tasko estas ebligi per uzo de Esperanto rapidan interŝanĝon de resumoj de artikoloj el sciencaj kaj teknikaj ĵurnaloj ĉiulandaj. La kunlaborantoj de ISIS ricevos pagon por siaj servoj. Estas la unua provo de *serioza utiligo de Esperanto por la scienco kaj tekniko*. Tial ni insiste petas ĉiujn kolegojn kiuj volas kunlabori, sin anonci ĉe la landaj filioj aŭ Centra Oficejo de ISIS!

En ĉiu lando troviĝos oficejo de ISIS, kiu regule kolektos resumojn de la redakcioj, esperantigos ilin per siaj *fakaj kunlaborantoj* kaj sendos al la Centra Oficejo. La lasta multobligas la resumojn kaj pere de la landaj oficejoj, kiuj tradukos nacilingven, distribuos ilin inter la sciencaj gazetoj kaj revuoj.

La unua celo estas krei iniciatajn -patronadajn komitatojn de ISIS en la diversaj landoj el konataj profesoroj-sciencistoj. Tiaj jam ekzistas en Germanujo, Rusujo, Hispanujo, Turkujo, Meksikio. La dua celo estas fondi landajn oficejojn de ISIS, ili ekzistas en jenaj landoj: *Sovetunio*, Voks, Moskva 69, Malaja Nikitskaja 6, Esperantofako. *Francujo*, Prof. P. Dejean, Grenoble, 289, Cours Saint André; *Hispanujo*, D-ro Fr. Azorin, Cordoba, Calle Claudio Marcello 19; *Meksikio*, D-ro A. Vargas Mexico, 7a de Bravo 95; *Danujo*, D-ro Goedecke Sönderborg (Alse) Voldgate 2a; *Turkujo*, Prof. Hulusi Haĝi Mustafa, Aidin (Balĝilar) Ecole Industrielle. Niaj organizantoj en Italujo, inĝ. D-ro A. Stromboli Pisa, Lungarno Regio 17, en Svedujo rektoro S. Jansen, Lidingö 1, Skogen 23. En aliaj landoj ni ankoraŭ *serĉas organizantojn*. La centra oficejo estas en Germanujo: H.C. Spiegel, Berlin N 65, Müllerstr. 158/59.

### ONI DANKAS

*** S-ro Josef Spruŝansky, D de UEA en Komárno, Ĉeĥoslovakio, kore dankas al S-ro Rad. Klajiĉ, D de UEA en Beograd, kaj al D-ro Jakob Stefaniĉ kaj ĉiuj beogradaj samideanoj lin helpintaj dum restado.

*** Gesinjoroj Bramkamp, anoj de UEA el Scheveningen, kore dankas al la Delegitoj de UEA en New York Youngstown kaj Buffalo N.Y. por afabla helpo kaj gastemeco dum rondvojaĝo en Usono.

*** F-ino Amalia Berger, Anino de UEA el Vieno, korege dankas al S-ro Wilfred Chitty, D en Dover al la Londona Klubo, al S-ro Kurt Schönrich kaj S-ino Josephine Becker en Wiesbaden pro valoraj servoj, helpo, gastigado okaze de vojaĝo.

*** Ge-sroj Camilla kaj Alexander Starke, UEA-ano en Nürnberg, tutkore dankas S-ron Degenkamp en Utrecht, F-inojn Bl. Geers kaj van Ganse en Antwerpeno, D-ron Kempeneers, Del. de UEA en Bruselo kaj S-ron H. Petiau en Gent, por ilia afabla kaj oferema helpo dum vojaĝo tra Nederlando kaj Belgujo. Specialan dankon al Ge-sroj J. Ravestein jr., UEA-ano en 's Gravenhago, por ilia afabla tritaga gastigado kaj oferema gvidado tra Hago kaj ĉirkaŭaĵo.

*** S-ro Campe el Brugge, Belg., tutkore dankas la gesamideanoj de la Londona Esp. Klubo por la agrablaj tagoj pasitaj kun ili okaze de vizito. Dankas speciale al S-ino M. Rook por afablaj servoj dum la restado.

*** S-ro Teo Jung, Del. de UEA en Köln, kore dankas la vicprez. de UEA, S-ron J. Karsch en Dresden pro afabla gvido tra la Higiena Ekspozicio, krome S-ron Fr. Meyer, del. de UEA en Frauenstein, pro afabla akcepto.

*** S-ro Angelo Lovati, ano 35576 en Milano, kore dankas al S-roj Kühbacher, Bauer, Tressel kaj Beck, Delegitoj en Innsbruck, Tölz, München kaj Augsburg por komplezaj servoj okaze de vizito. Mi ankaŭ kore dankas al S-ro Suttner D en Dietramszell, plie al gefratoj Ostertag en Augsburg, kiuj frate akceptis min. Tute apartan dankon al la samideano gvidinta min en la Germana Muzeo, kio multe faciligis al mi la komprenon de tiu interesega muzeo.

*** F-ino K. Strassgütl, M. Mildschuh kaj S-ro W. Mudrak, Vieno, tutkore dankas al ĉiuj samideanoj resp. delegitoj de UEA, helpintaj ilin dum vojaĝo kaj restado okaze de la bela Itala Esperanto-Kongreso en Como, precipe al S-ro D-ro Canuto, Vicprez. de I.E.F., S-ro A. Lovati el Milano (pro afablega akcepto kaj prizorgo de tre taŭgaj malkaraj loĝejoj), S-ro Castiglioni, Como, S-ro Marengo, Milano, S-ro Carlo Bassi, Lugano kaj S-ro Pietro Franceschi, Venezio (por vere zorgeme plenumitaj servoj), F-ino Strassgütl krome al S-ro Kühbacher, Innsbruck, por afablega gvidado.

*** S-ro Fritz Rockmann, peranto de UEA por Germanujo, Magdeburg, kore dankas al ĉiuj gratulintoj okaze de lia re-edziĝo. La granda nombro de la gratuloj kaj la manko de tempo ne permesas al li danki al ĉiuj individue.

*** S-ro Antoni Troszynski, Delegito de UEA en Pelplin, Polujo, kore dankas al S-ro Jernej Jeleniĉ, Delegito de UEA, Ljubljana, Jugoslav, por elkora akcepto kaj afabla helpo okaze de restado en tiu ĉi urbo.

*** S-ro Fr. Pytloun, Delegito de UEA en Bakov n.J., Ĉeĥoslovakio, ankoraŭfoje dankas al S-ro Giovanni Bonini, D de UEA en Venezia, por afabla helpo kaj gvido.

*** S-ro D. Savicki, D de UEA en Sanski Most, Jugosl., kore dankas S-ron Charles R. Witt, VD en Los Angeles, por afabla plenumo de servopeto.

*** S-ro D-ro Eberler, advokato en Berlin, dankas S-ron Robertson, D de UEA en Londono por afabla helpo.

*** S-ro W.A. Zeylstra, VD, Amsterdam, elkore dankas Sinjorojn D-ro Paul Kempeneers, M, kaj Raymond Brihay, VD, Bruxelles, por afabla akcepto en la Belga ĉefurbo.

*** S-ro Alojz Macek, Delegito de UEA en Borsky Sv. Mikulâŝ, Ĉeĥoslov., korege dankas al la Delegitoj en Dijon, S-ino Petit; en Strasbourg; S-ro Jung, en Salzburg; S-ro Vogel, al S-ino Veverková en Pardubice kaj al nenomata samideano en München por afabla helpo dum libertempa vojaĝado.

# Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al Ge-sroj Ravelich, Khandallah, Novzelando, filo Georgo, 17.7.1930.

*** Al Ge-sroj Dvoráček, Del. en Nechanice, filo Boris.

### Edziĝoj

*** S-ro C. Heuvel, Ano de UEA en Utrecht, kun F-ino A.H. Tülkens, 28.8.1930.

*** S-ro Ivan Stojkov, kaj F-ino Maria Angelova, en Razgrad, Bulgar., 12.10.1930.

*** S-ro Omer Moermann, membro-abonanto el Ronso, Belgujo.

*** S-ro Kurt Wenschuh, UEA ano 35166 el Falkenstein i.V. kun F-ino Trude Leistner el Auerbach (German.).

*** S-ro Fritz Petzold, M. 21778 kun samideanino Edith Barth en Falkenstein i. Vogtland, German.

*** S-ro Václáv Ĉáslavsky, Delegito en Praskacká, Ĉeĥoslov., kun F-ino Anjo Ĉesáková.

*** S-ro Hans Roppert, Delegito en Tetschen, Ĉeĥoslov., kun F-ino Luise Zinke.

*** S-ro Jaroslav Novobilsky, Delegito en Stáblovice, kun F-ino Helenjo Králová.

### Honorigo

*** S-ro Karl W. Brehm, komerca delegito de UEA en Valencia, akiris la gradon de Doktoro de Filozafio ĉe Universitato en Bruselo. Lia tezo titoliĝis: Historio de la Ideo de l' Helplingvo.

# Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Prof. Walter Arnold, instruisto en kolegio Sankta Mikaelo en Zug, Svislando. Honora prezidanto de Mondjunulara Katolika kaj kunfondinto de la Internacio Katolika. (Laŭ Juna Batalanto. Oktobro 1930: sen pliaj detaloj).

S-ino Marie Kubaŝkova, edzino de nia VD en Plzen (Pilsen) S-ro Kubaŝek. Fervora samideanino, subtenanta la edzon en lia poresperanta laboro. (R.N.)

S-ro Auguste Vogin, advokato kaj Delegito de UEA en Pau, Francujo. (Laŭ informo de S-ro de Allende.)

S-ro William Henry Scott, pastro kaj instruisto, D de UEA en Gabes, Tunizio, 5 Septembro 1930 en Tarsia, Italujo. (Laŭ reveno de korespondaĵoj kaj informo petita de la Brita Ĝenerala Konsulejo en Tunis.)

S-ro Schlechta, polica ĉefo en Praha, fervora ano kaj subtenanto de la Internacia Polica Ligo.

S-ino Emma Friedrichova, edzino de nia Delegito S-ro Friedrich en Košice, Ĉeĥoslov., 17. Oktobro 1930.

S-ro Eduard Becker, eklezia konsilanto, Ano de UEA N-ro 3319 de 1912 ĝis 1928 en Breslau, 2.X.1930. Multe klopodinta por E precipe en katolikaj rondoj.

S-ro Nisiwaki-Hiromiti, MA de UEA 34072, Nagoya, Japanujo, 27 jaraĝa subite dum aranĝo de propaganda kunveno de S-ro Jos. Scherer, 22-an de Oktobro 1930.

*Sinceran kunsenton!*

# Esperanto




# Programo

Redaktas: J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben, N. L. Germ.
Komisiono de I.C.K.: Radio-statistiko.

*La tempo estas tiu de Meza Eŭropo.* La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua.

**Mallongigoj:** *D* (Dimanĉo), *L* (Lundo), *M* (Mardo), *Mk* (Merkredo), *J* (Ĵaŭdo), *V* (Vendredo), *S* (Sabato).

| Tago horo | Stacio | Ondo-longo | Temo | Parolanto |
|---|---|---|---|---|
| D : 08.30 | Langenberg | 473 | Kurso | A. Dormanns |
| L : 20.00 | Tallinn | 296 | Estonio kaj Esperanto-Movado | |
| 20.30 | Lille PTT | 265 | Novajoj | A. Trotin |
| 23.15 | Alger | 364.5 | | S ro Rivier |
| M : 17.40 | Huizen | 1071 | Novajoj : ĉiun duan Mardon | P. Heilker |
| Mk : 18.35 | Stuttgart | 360 | El'Orig. Verkaro | D-ro Vogt |
| | Bratislava | 278.8 | Kurso | E, Wanitsek |
| J : 18.30 | Paris PTT | 447 | Kurso | Rousseau, Lajarte |
| 19.00 | Paris PTT | 447 | K por instruistoj | Prof. Cart |
| 22.10 | Kaunas | 1935 | | J. Kutra. |
| V : 18.05 | Leipzig | 253 | Literaturo & movado | D-ro Dietterle |
| 19·00 | Stuttgart | 360 | Programo | Christaller |
| 20.00 | Ljubljana | 575.8 | Programo | |
| 22.20 | Bern | 403 | Programo | K. M. Liniger |
| S : 18.00 | Breslau | 325 | | |
| 18.45 | Zürich | 459.4 | Kurso | R. Unger |
| 18.45 | Königsberg | 276 | Programo | |
| | Danzig | 452 | Programo | |
| 18.55 | Bratislava | 278.8 | Kurso | E. Wanitsek |
| 21.10 | Lyon la Doua | 466 | Novajoj | E. Borel. |
| 23.15 | Bruxelles | 508.5 | Programo | |
| **Neregulaj dissendoj** | | | | |
| 10.30 | Stockholm | 1348 | | E. Malmgren |
| 20.40 | Odessa | 450 | ĉiumonate je la 3a, 8a, 13a, 18a, 23a, 28. | N. Holm |
| 21.00 | Minsk | 700 | | Snejko |
| 22.30 | Leningrad | 1000 | ĉiumonate : 2a, 12a, 22a, Novajoj | |
| 23.05 | Leningrad | 1000 | Nov 9a, 19a. 29a | |

## Esperanta popolo

De Herbert Hammer

*Popolo sankta! Filoj de l'espero!*
*Vi estas elektita nobelaro!*
*En via regno ne ekzistas baro,*
*Ĉar via hejmo estas tuta tero!*

*Pro amo vi servadas al afero*
*De la konsento inter la homaro.*
*La celon vidas vi en luma klaro.*
*Kondukas vin persisto, fido, vero.*

*Vi gardestaras por la sankta gralo,*
*Vi kavaliroj de la verda stelo.*
*Vin tenas la eterna idealo,*
*La dia volo: « Teron regu helo! »*
*Vi estas la popolo pacmatura,*
*En penso vasta, kaj en menso pura!*

## En kelkaj linioj

*** ICK informas ke dank' al ĝia interveno ĉe S-ro Sabadell, reprodukto de la voĉo de nia majstro, ekzistanta sur fonograf-cilindro, estas ebligata. Oni memoras, ke aperis en ESPERANTO publika letero pri tio. La afero nun esta en ordo kaj oni petas ne plu skribi al Sinjoro Sabadell, posedanto de la cilindro.

*** Universala Kodo por la Kredit-Informa Branĉo devos aperi dum venonta jaro. Ĝin eldonas la Centra Asocio por Komercaj Inform-Oficejoj sub aŭspicio de la kongreso de Inform-Oficejoj nun okazanta en Vieno, 14a-18a de Decembro. La kodo aperos krom en la grandaj naciaj lingvoj ankaŭ en Esperanto dank' al la klopodado de S-ro Bernh. Selzer, sekretario de la Aŭstria Esperanto-Delegitaro.

*** Post mallonga kurso laŭ metodo Ĉe (14-26 Julio) en Odense, Danlando, ok kursanoj sukcese pasis ekzamenon de la Centra Dana Esp. Ligo. La kurson gvidis S-ro Morariu

*** Mondlingvo-Eldonejo, ul. Plebiscitowa 25-III, Katowice (Polujo) intencas eldoni « *Kolekton de Esperanta Poezio* » kiel memoraĵon al la okazonta Krakova Kongreso. La libro estas dediĉata al S. E. Moŝto S-ino Moscicka, edzino de la Respublika prezidanto. Povas kunlabori ĉiu samideano en la tuta mondo. Manuskriptojn de tradukitaj aŭ originalaj poeziaĵoj kun utilaj indikoj pri lingvo, verkisto k.t.p. oni sendu al supra adreso. Oni skribu per maŝino, sur papero 22-29 cm kaj nur sun unu flanko.

*** Internacia Radio-Asocio ĉesis. Fondiĝas sub protekto de ICK Internacia Radio-servo, unuiganta ĉiujn aktivulojn sur la Radio kampo. (P. L.).

*** La Esperantista Societo « Nova Sento » en Barcelona Informas pri sia nuna adreso kiu estas : Independencia 79.

*** La fama taglibro de Andrée, sveda esploristo, malaperinta antaŭ 30 jaroj dum provo atingi la Nordan Poluson per balono, aperos en Esperanto, apud tradukoj en 12 aliaj lingvoj. La libro estos 450 paĝa. La aferon entreprenis la Sveda Eldona Societo Esperanto kun helpo de enlandaj samideanoj bonkonataj. Pliaj informoj aperos, se eble jam en la nuna numero. Atentu la aldonitan folion.

*** La UEA delegitaro berlina klopodis depost unu jaro enkonduki Esperanton en lernejojn berlinajn.

Samtempe entuziasmigis la delegito studkoncilisto Dyba ĉ. 100 geinstruistojn, instruante ilin laŭ Ĉe-metodo. Ili senpacience intencas gvidi kursojn en siaj klasoj. Intertempe nova kurso kun 90 instruistoj-kursanoj komencis. Laŭ decido de l'urbestraro Berlin'a de la 3a de Oktobro komencos kursoj laŭ Ĉe-metodo en 25 lernejoj berlinaj.

## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro E. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelajojn).

*Antverpeno* (Belg.). — S-ro Fr. Lembrechts, 22 jara fraŭlo, Guldensporenstraat 105, L., PK., pri ĉiuspecaj temoj. Tuj kaj ĉiam respondas.

*Aszod* (Hungar.). — S-ro Stef. Buchinger, PI., PM.

*Bakov nad Jizerou* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Vaclav Nechvilka, komerca helpanto, Konsum — PI. kĉl. Certe respondos.

*Boras* (Sved.).—S-ro Clas Nilsson, Box 128, PM. Ne sendas unue nek akceptas bagatelajojn.

*Budapest* (Hungarlando). — F-ino Charlotte Vargha, VI. Podmanicki utca 71, III. 1, PM., bfl., Fot ajoj, k.ĉ.l.

*Budapest V.* — Hungara Skolta Ligo (Esperantista Rondo), Cserkész-hàz, Nagy Sandor u. 6, deziras korespondi kun skoltoj ĉiulandaj.

*Cocentaine* (Hisp. Alicante). — S-ro Leopoldo Soler, Str. Los Dolores 24, PI., L.

*Como* (Italujo). — Seriozaj samideanoj deziras korespondi kun samideaninoj de ĉiuj landoj, Certe respondos. Adresu : Rag. P. Castiglioni, Delegito de UEA, Via Vittorio Emanuele 28.

*Davos* (Svislando). — S-ro M. Klaus, Kurhaus Sanitas, L., PI. k.ĉ.l. Certe kaj tuj resp.

*Hodonin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Ludoviko Irŝik UEA-delegito PM, PI., L kĉl. Respondo garantiata.

*Kolomea* (Polujo). — S-ro Antin Karatnyckvj, VD de UEA, Jahajlonska 40, PM k.ĉ.l., Certe respondas, ne sendas unue. Petas rekomendi leterojn kaj laŭeble sendi per flugpoŝto. Difektitajn PM ne akceptas.

*Kortrijk* (Belg.). — S-ro Henri Van Roye, 43, Rysselstraat, PM., PI., nur kun div. PM bfl. k.ĉ.l.

*Ledce-Ŝternberk* p. Smečno u Slaneho (Ĉeĥosl.). — S-ro Jos. Ĉermak, PI. kĉl.

*Louky nad Olzou* 42. (Ĉeĥoslovakio Silezio). — S-ro Paulo Bartulec PI., bfl, kĉl.

*Lwow* (Pol.). — S-ro Josef Nykiel, poŝtoficisto, Blonie Janowskie 29a, PM.

*Mainz am Rhein* (German.). — S-ro P. Becker, D de UEA, Augustinerstr. 58, PM plej novajn. Sendas rekompence germanajn PM, Saar, Danzig aŭ Memel.

*Oviedo* (Hispan.). — Sendependa Esperanto Grupo, Avenida Fuertes Acebedo 18, kun 60 anoj, PI, PM, k.ĉ.l. Certe resp.

*Pécs* (Hungar.). — F-ino Elimia Kovacs, instruistino, Felsöbalokamy u. 35, L. PK, k.ĉ.l.

*Plauen i V.* (German.). — S-ro W. Giese, Haselbr. str. 21, L., PI., gaz., Esp-ajoj, aktfotoj, afiŝoj, brodajoj, k.ĉ.l. ankaŭ kun komencantoj. Ĉiam respondos.

*Santa Catalina* (Urugvajo). — F-ino Ema C. Balestena, Estancia « La Esperanza », Est. Santa Catalina (Soriano) PK.

*Saratov* (U.S.S.R.). — S. Bojev, Nijnia 154, ug. Pugaĉevskoi, PI., PM., librojn aĉeteblajn en USSR ktp., je samaj kostoj kontraŭ esp. libroj kaj abonoj al esp. gazetoj de li indikotaj.

*Siemianowice* Slas. (Polujo). — S-ro Pinkus Rozenes, Barbara 1, L., PI., k.ĉ.l.

*Stapleford* (Brit.). — S-ro A. W. George, Banskmere, Brookhill Road, deziras korespondantojn por 'a loka kurso. k.ĉ.l., nepre resp.

*Venlo.* (Nederlando) — S-ro Pierre Pijpers, Stalberg 274, PM laŭ Yvert & Tellier kaj Michel.

*Zamberek No* 252 (Ĉeĥoslovakio). — S-ro Alois Kubicek P., L., kun fraulinoj prefere ekstereuropaj.

## Petoj kaj Proponoj

*Al la homoj de bona volo,* turnas sin rusa politika elmigrinto, fraŭlo 33 jara kun peto peri postenon en kia ajn lando en la trikindustrio kiel majstro aŭ helpmajstro. Faka kapableco estas akirita per absolvo de dujara faklernejo kaj 4 jara praktikado ĉe la maŝinoj rondaj kaj plataj de diversaj sistemoj. A.M. Ljubov, Pelhrimov, Ĉeĥoslovakujo.

*Ĉu estas la kapitalo* ? — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold, 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Fanatikaj Esperantistinoj !* — Kiu el vi Kuraĝas kor-respondi kun 25-jara samideano ? Skribu al Edmund Fethke, Bydgoszcz, Petersona 11, Polujo. (Posta geedziĝo eventualas).

*Filatelistoj.* — Vendas PM (Servajn, aerajn, bonfarajn), PK, maŝinstampajojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Filatelistoj,* — Rumaniajn PM. 1915-1930 mi sendas, por PM., 25-30 pecojn de via lando. Petas afranki registrotan leteron per malgrandvaloraj PM. O. Hauker, pensiuto Georghe Lazar 17, Cernauti, Rumanio.

*Letervespero.* — Ĉiu samideano estas elkore petata sendi saluton al nia letervespero la 21an de Januaro 1931. Esperantista Klubo « La Tagiĝo », Box 36 Boras (Svedlando).

*Poŝtmarkkolektanto.* — Kiu sendos al mi 50 au 100 kaj pli puraj kaj sendifektajn poŝtmarkojn eble diversaj el sia lando, ricevos la saman kvanton el mia lando. Interŝanĝas kun ĉiuj landoj, ankaŭ laŭ Katalogo Yvert Tellier. Enrico Bocciardo Corso Torino No. 28. II Genova (Italia).

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE